3a Jaro N° 36a

# Internacia Science Revuo

MONATA ORGANO ORGANE MENSUEL

*Manuskriptoj, gazetoj, libroj kaj interŝaŋgoj devas esti sendataj rekte al S-ro Fruictier 27, Boulevard Arago, Paris.*

ENHAVO



## AL NIAJ LEGANTOJ

Post tri-jara kaj senĉesa laborado por disvastigi Esperanton en la sciencularo per la pero de *Internacia Scienca Revuo*, kontraŭvolaj cirkonstancoj devigas min demeti la batalilon kaj eĉ forlasi la ĝeneralan propagandadon, al kiu mi tute dediĉis min de la jaro 1900-a.

En tiel ĉagrena okazo mi almenaŭ trovas tiun konsolon, ke kompetentaj kaj entuziasmaj manoj daŭrigos ageme la porsciencan bataladon kun ĉiuj rimedoj taŭgaj por la venko. La fondiĝo de *Internacia Scienca Oficejo* en Genève — dank'al la malavara laborado de Profesoro René de Saussure — estas ja multesperiga signo de plena sukceso. Al ĝia eminenta direktoro mi transliveras la gazeton, en la espero, ke li rapide prosperos antaŭen sur la vojo ekborita de la kunlaborantoj kaj legantoj de *Scienca Revuo*.

Al ĉiuj, kiuj helpis min en la malfacila tasko ekkrei kaj ekuzi teknikan vortaron; al ĉiuj, kiuj subtenis min per sia abono aŭ siaj konsiloj, mi sendas mian plej amikan, plej koran dankon, dezirante nur, ke ili same helpu kaj subtenu miajn posteulojn : tiel ili certe atingos baldaŭ la finan triumfon.

En la malgajaj horoj, kiujn mi nun travivas, ilia amikeco estas por mi — kaj ĉiam restos en la estonto — la kortuŝa rekompenco de la ses lastaj jaroj de mia vivado.

Venku Esperanto !

Paul Fruictier,

27, boulevard Arago, Paris

# EVOLUCIO DE L'MONDA KOMERCADO DUM LA XIX-A JARCENTO

I.

Post Viena kongreso en 1814—1815, nur kvar nacioj restis en Eŭropo sur la monda komercejo : Grandbritujo, Francujo, Malaltlando kaj Hispanujo.

Grandbritujo, reĝo de l'maroj, estris kolonian imperion multege grandigitan per militoj super Francujo kaj popoloj kunuloj — kontraŭvolaj — de Napoleono.

Francujo, elĉerpite de klopodo fortega kaj trolongigita, konservis nur kelkajn negravajn koloniojn (Gvadelupo, Martiniko, Gvijano, Sankt-Petro kaj Miklono, Novlandaj fiŝkaptejoj, Senegalo, Reunio, Hindaj kontorejoj), kune proksime 400.000 loĝantojn sur 38.000 kilometroj.

Malaltlando, kune kun Belgujo, senfortigitaj de ilia kunlaborado kun Francujo, restis pretaj sin dediĉi al ekspluatado de sia riĉa posedaĵo Insulhinda.

Hispanujo fine, ruinigita, estis ankoraŭ posedonta dum kelkaj jaroj sian vastegan bienegon amerikan, sed montriĝis nekapabla restigi obeantaj siajn sudamerikajn posedaĵojn.

La komercado de tiuj ĉi kvar nacioj konservis la karakteron antikvan : ĝi precipe celis enportadon de multekostaĵoj, spicoj, kafoj, sukeroj, el Hindujoj Orienta kaj Okcidenta ; la forportado de metropolaj produktoj restadis duagrada. Nur du popoloj havis cetere industrion kapablan provizi ageman elportadon : Francujo kaj Grandbritujo. Nenia alia popolo pretendis ludi ian rolon sur la monda komercejo; ĉiu restis enŝlosita hejme, fortike proktektata de limdepagaj bariloj, kontentiĝante konsumadi siajn proprajn produktaĵojn, kulturajn aŭ industriajn, kaj petante de najbaroj nur la neforlaseblon. Kiel oni povus ja ekspluati vastan landregionon, kiam komunikvojoj estis maloftaj, malbone zorgataj, ĉiuloke baritaj per limdepagejoj? La momento por vastaj entreprenoj aŭ internacia konkurado ne venis ankoraŭ.

Kaj tamen proksima estis evoluo, tuj ŝanĝonta la komercajn procedojn de Eŭropo.

II.

Anglujo donis signalon. Fariĝinte granda marnacio per sia Akto Navigacia (1651), certigite pri surmara superregeco per venko super Holando, detruiĝo de la komerca ŝiparo hispana kaj provizora malapero de la franca ŝiparo, ĝi de tiam kapabliĝis elfari transportadojn de kontinento al kontinento kaj de Oriento Okcidenton, je duobla kondiĉo : Eŭropaj komercejoj estu de ĝi atingeblaj kaj ĝi povu alporti al siaj ŝipoj forportotan komercaĵaron grandakvantan. Cirkonstancoj estis baldaŭ realigontaj tiun ĉi duoblan kondiĉon.

De la regado de Elizabeto, Anglujo suferadis kampkulturan krizon : grenaĵoj grade malaperis de kulturebla j ebenaĵoj por lasi lokon al edukpaŝtejoj, kaj la popolo pagis multekoste la tritikon necesan por vivado. La industria produktado, interesanta je la epoko, senĉese kreskis; jam katunoj de Manchester, drapoj de Leeds, feroj de Birmingham. karboj de Newcastle estis tre bone vendataj. Sed ankoraŭ disa kampare, la popolo ne volonte sin kurbigis al la fabrikeja vivado. Aliparte, se la industria potenco de Anglujo jam sin antaŭmontris, ĝi tamen ne povis ankoraŭ pretendi superregadon super la mondo. La angla nacio, fortike organizita, laborema, persistegema, entreprenema, ne estis ankoraŭ trovinta sian vojon. Fabrikisto, Cobden; ŝtatistoj, Huskisson, Canning, Bright kaj Fox ; ekonomiisto, Wilson, ĝin montris fondante la Ligon de Manchester.

Ili postulegis forigon de limdepagoj pri grenoj unue, poste pri ĉiuj komercaĵoj necesaj al nutrado popola kaj provizado indus-

tria. Mi ne resumos historion de la fama Liga agitado, kiu movadis Anglujon de 1828 ĝis 1846, kaj efikis ankaŭ en Francujo, Belgujo, eĉ Hispanujo. Mi nur rememorigos, ke Roberto Peel, leĝigante (1846—1850) projektojn de la Manĉestra Skolo, konfirmis la triumfon de l'principo de *free trade*, de libera interŝanĝo. De tiam, Anglujo estis sin turnonta al nova sorto. Tial ke ĉiuj nutrajoj de tuta mondo eniris libere la anglan teron, la nacia kampkulturo povis supervivadi, nur eksplutante kulturojn plej fruktodonajn, laŭ plej bonaj metodoj kaj en plej bonaj lokoj. Tiel estis. Nuntempe la angla kulturo sin distingas per bonegeco de siaj eksplutaj manieroj, sed ankaŭ per nesufiĉeco de sia tuta produktado. La grenajoj malaperis el mezbonaj teroj por lasi lokon al herbejoj, kaj multo da kamparanoj senoficiĝintaj ekiris vojon al fabrikejo.

Industrio ja, larĝe provizata de krudajoj enkondukataj senimposte, rapide diskreskis. Baldaŭ ĝi alvenis al stato de *superprodukto*, t. s. ke la metropola kaj kolonia loĝantaro ne povis ensorbi la tutan nacian produktajon. Oni devis pripensi multigadon de vendejoj en civilizlandoj, sekve en Eŭropo precipe. Tiu tasko apartenis al la komercistoj, servataj de la ŝipekipistoj.

Sed kontraŭ la sukceso de l'entrepreno staradis multaj bariloj : limdepaga remparo, kiu ŝirmis ĉiun landon, kaj atonio de l'eŭropa komerco. Tiuj ĉi bariloj estis baldaŭ forigontaj : Francujo helpis ja Anglujon, turnante sin siavice al dogmaro de komerca libereco, kaj ekkomencante sistemon interŝanĝan taŭgan por interkontentigi ĉiujn interesojn. Absoluta liber-interŝanĝo, laŭ angla maniero, estis ebla nur en Anglujo, t. e. en lando posedanta hegemonion maran, kapabla certigi la transportadojn per sia ŝiparo kaj defendi en ĉiuj maroj sian ŝiparon komercan per superforta milita. Ia ajn kontinenta lando, kiu, kiel Anglujo, estus oferinta si'n kampkulturon al sia industrio, elmetus sin al du gravaj danĝeroj : malsatiĝi okaze de milito kun Britujo, mastro de maroj, aŭ senĉese krizadi industrie dum paco. Utilegis do trovi interan formulon, kiu permesos al kontinentaj landoj uzi moderan *liber-interŝanĝon* aŭ moderan *protektadon*, kio estas sama. Kaj Francujo trovis tiun ĉi formulon, enkondukante la kontraktojn komercajn long templimajn.

Agitado de Manĉestra Ligo trovis eĥon en Francujo, kiel mi jam diris. La 10-an de februaro 1846, » Asociacio por libereco de interŝanĝoj « fondiĝis en Bordeaux ; baldaŭ komitatoj kreiĝis en Paris, Lyon, Marseille, Le Hâvre, k. a. Bastiat, H.-E. Say, Michel Chevalier multigis paroladojn kaj broŝurojn por liber-interŝanĝo. Sed iliaj klopodoj konvertis nur negocistojn de marhavenoj kaj ekonomiistojn : kampkulturistoj kaj industriistoj restadis fidelaj je sistemo de l'protektado.

Tiam Mikaelo Chevalier konceptis projekton de sistemo faciligonta provon de modera liber-interŝanĝo, ne kondamnante tamen definitive la protektadon. Tion ĉi Napoleono III patronadis, kaj komerca kontrakto franco-angla, kunigante por 10 jaroj la komercajn interesojn de ambaŭ Potencoj superregantaj la mondan komercejon, enkondukis la ekonomian sistemon sub kiu Eŭropo kaj civilizmondo nun ankoraŭ vivadas. La komercaj kontraktoj, je fiksaj datfaloj aŭ *sine die*, multiĝis. Ili regas hodiaŭ la komercajn rilatojn de ĉiuj nacioj havantaj influon en la mondo.

III.

La liber-interŝanĝo absoluta, laŭ dogmaro de Manchester, starigis la riĉecon de Anglujo dum duonjarcento ; kaj Francujo trovis bonon en la komercaj kontraktoj. Sed tiaj ŝanĝoj de ekonomia sistemo ne sufiĉus doni al la komercado de eŭropaj nacioj ĝian nunan gravecon. se ilia efikeco ne estus ekscitita de aliaj kaŭzoj pli ĝeneralaj.

Meze de l'lasta jarcento, nur du nacioj havis ekonomian viVadon intensivan : Anglujo kaj Francujo. Estis necese, por ke cetero de Eŭropo vekiĝu, ke la grandaj modernaj eltrovoj renovigis la komercilaron. Dank' al tiuj eltrovoj, ni vidos, ke la ekstera komerco disvastigos senĉese sian agadon.

Iam, la komerca supereco apartenis senkontraŭdire al unu nacio, iafoje al du. Siavice la italaj urboj, Hispanujo kaj Portugalujo, Holando, Grandbritujo konis tempon de nedisputata potenco, dum Francujo ĉiam konservis honorindan lokon apud ili.

De tiam, kelkaj nacioj konkurados al la unua rango, kaj la nombro de konkurantoj kreskos senĉese. Tiu ĉi multobliĝo devenos :

de la perfektiĝo de internaciaj komunikiloj malfermintaj la mondan komercejon, kaj de disvolviĝo de l'industria ilaro.

La ĉefa eltrovo estis tiu de la vaporo, aŭ pli ĝuste de la vapormaŝino. Laboroj de Papin, liaj eksperimentoj sur *Fuldo* (1807) tiel bedaŭrinde finitaj de interveno de Vezeraj ŝipistoj, kaj samepoke laboroj de anglo Savery, malfermis utilan vojon. En 1769 mekanikisto skota James Watt estis preninta sian unuan patenton por konstruo de vera vapormaŝino. En 1785 la industriaj centroj Liverpool, Manchester, Birmingham estis ricevintaj novan movforton. Utiligo de la vaporo por transportoj devis deveni de tiu eltrovo.

En 1770 lotringa inĝeniero Cugnot provis en Parizo la unuan vaporveturilon. En 1814 Georgo kaj Roberto Stephenson ekuzas en karbejoj de Killingworth la unuan lokomotivon konstruitan en Newcastle. En 1825 ekuziĝis la fervojo de Darlington al Stockton, longa je 61 kilometroj.

Sed la lokomotivo de Stephenson mankis forton pro nesufiĉeco de la bolejo. En 1828, franco Marko Séguin enkondukis tubhavan bolejon, kiu permesis multe gradigi la vaporigan povon. Tamen la kamentubo de la lokomotivo estis mallonga : la enblovo ne sufiĉis. Oni donis al ĝi ĝian tutan energion per aldono de blovilo, t. e. gvidante tra tubo al la kameno la vaporon uzitan en la piŝtujoj. Jam longe tiuj ĉi blovtuboj estis konataj : G. Stephenson ilin utiligis por la lokomotivo.

Tiel provizite, la lokomotivo atingis rapidecon da 50 kilometroj unuhore; ĝi estis definitive starigita en siaj ĉefaj elementoj. La lokomotiva konkurso en Liverpool (1829) konfirmis la triumfon de G. kaj R. Stephenson, kaj tiu ĉi lasta estis la unua inĝeniero de fervojoj.

Iom post iom, la fervojoj ekkovris la eŭropan landon. La unua linio kreiĝis en Anglujo en 1825 ,kiel ni jus vidis : ĝi aperis en Francujo en 1828, Germanujo kaj Belgujo 1835, Aŭstro-Hungarujo 1837, Rusujo 1838, Italujo kaj Holando 1839, Danujo kaj Svisujo 1844, Hispanujo 1848, Svedujo 1851, Norvegujo 1853, Portugalujo 1854, Luksemburgo 1859, Rumanujo, Turkujo kaj Bulgarujo 1869, Grekujo 1869, Serbujo 1884.

En la momento, kiam la eŭropa komerco estis farinta sian unuan evoluon, t. e. en 1870, Eŭropo estis jam kovrita de reto iom densa da fervojoj, kaj oni trovis liniojn en la tuta mondo.

La komercaĵoj povis do pli facile veturiĝi. Sed la granda komerco estus kreskinta nur malrapide, se la maraj transportoj ankaŭ ne estus ricevintaj subitan disvolviĝon per ekuzo de vaporŝipado anstataŭ la vela.

Ni jam vidis, ke Papin faris vanan provon por enkonduki vaporŝipon sur Vezeron. Amerikano, Roberto Fulton, tion ĉi reentreprenis. La 9-an de aŭgusto 1803, li surmetis boaton sur Senon. La eksperimento sukcesis, ne altirante tamen la publikan atenton.

Fulton tiam iris Anglujon, kaj Amerikon. La 11-an de aŭgusto 1807, li jetis sur Orientriveron ŝipon nomatan *Clermont*. Baldaŭ la ŝipo ekdejoris inter Novjorko kaj Albany (ĉirkaŭ 60 leŭkoj) kaj faris sian unuan vojaĝon, kun la sola Fulton en la iro, kun unu sola vojaĝanto, franco Andrieux, en la reiro. De tiam la vaporŝipado kreskis. La 18-an de junio 1812, skota mekanikisto, Henriko Bell, enkondukis dejoron, sur Klido inter Glasgo kaj Greenock per ŝipo *Kometo*. Aliparte, franco, markizo Jouffroy, kiu jam metis vaporboateton sur riveron Doubs en 1776, funkciigis novan en Parizo, la 20-an de aŭgusto 1816 : ĝi estis *Karl-Filipo*. En la sama jaro *Elizo* faris sian unuan transiron inter Anglo- kaj Franclando. Fine, la grandaj transvojaĝoj estis komencataj de » *Savanno* «, amerika ŝipo, kiu foriris de Savannah la 26-an de majo 1819 kaj iris al Liverpool, poste al St.-Peterburgo kaj revenis Amerikon. En 1825 *Entrepreno* sukcese faris vojaĝon al Hindujo : la maro estis malfermita je vaporŝipado.

Sed la grandaj movradoj de tiuj ŝipoj estis almetataj al oftaj difektoj. Eltrovo de la ŝraŭbego provizis la ŝipojn per pli fortika puŝilo. Reprenintė laborojn de kapitano Delisle, konstruisto el Boulogne, Frederiko Sauvage demontris la utilaĵojn de la ŝraŭbego. En 1839 du angloj, Smith kaj Rennie donis la planojn de *Arkimedo*, kiu konfirmis superecon de la nova ilo. Kaj samtempe Ericsson ĝin ekuzis en la Unuigitaj Ŝtatoj.

Tiam ĉiuj maraj nacioj ekkonstruadis vaporŝipojn. Baldaŭ grandaj kompanioj kreiĝis por ekspluati regulajn liniojn, kiuj ko-

munikiĝis konstante plej malproksimajn landojn kun Eŭropo.

Mi ne povas doni tie ĉi aran tabelon por montri la disvolviĝon de la mara ŝipirado dum tiu ĉi periodo. Sufiĉos, ke mi diru, ke la ĝenerala ŝipado en Francujo estis en 1850 duobla ol en 1830, kaj en 1870 triobla ol en 1850.

Dank'al la fervojoj, nun komercajoj povis iradi rapide en Eŭrope. Dank' al vapora ŝipado, ekstereŭropaĵoj povis facile alveni Eŭropon kaj eŭropajoj senbare forportiĝi al ĉiuj anguloj en la mondo. Sed ankoraŭ malfacile estus kombini vastajn komercajn entreprenojn, se negocistoj devus daŭrigi siajn interrilatojn per simpla poŝta kuriero .

Nova korespondilo fariĝis necesa. Scienco ĝin enkondukis, kreante la telegrafon. La aera telegrafo ne sufiĉis certigi komunikojn rapidajn kaj konstantajn. Apartenis al fizikistoj servigi por komercado ilon pli certan kaj oportunan. Amerika pentristo, Samuelo Morse, profesoro en la Novjorka Ateneo, konatiĝite pri fizikaj sciencoj per interkolegaj babiladoj, la unua konceptis ideon de telegrafo elektro-magneta. En 1832 li fabrikis la unuan modelon de l'telegrafo havanta lian nomon. En 1837 fariĝis eksperimentoj malbone akceptataj en Ameriko. Vane provinte ekspluati sian elpenson en Anglujo kaj Francujo, Morse revenis Unuigitajn Ŝtatojn, fine sukcesis forvenki inercion de siaj samregnanoj, kaj en 1844 telegrafia linio estis aranĝita inter Washington kaj Baltimore.

Paralele en Anglujo klopodoj fariĝis por enkonduko de elektra telegrafio. Jam en 1838 Wheatstone elpensis pinglan aparaton, kiu, kvankam komplika, estis ekuzata sur kelkaj linioj fervojaj. La uzado baldaŭ ĝeneraliĝis kaj la publiko estis permesata uzi tiun rapidan korespondan manieron. Ekzemplo de Unuigitaj Ŝtatoj kaj de Anglujo ekscitis la francan registaron, kaj en 1844 la mekanikakonstruisto Bréguet estis komisiata aranĝi linion Paris—Rouen kune kun la direktoro de l' aeraj telegrafoj, S-ro Foy. La Foy-Bréguet'a telegrafo funkciadis ĝis en 1854, kiam ĝi estis anstataŭata de l' amerika aparato Morse. De tiam la telegrafiaj servoj rapide disvastiĝis, kaj baldaŭ tuta Eŭropo estis unuigita de telegrafaj linioj, ĉu Wheatston'aj, ĉu Morse'aj.

Bezonis tamen organizi interkontinentajn komunikojn por perfektigi la verkon. Provoj estis farataj por krei ŝnuregójn kapablajn certigi elektran transsendon sub akvoj. Unuaj provoj estis farataj ĉe enmariĝejo de riverego Ganĝo, en Angla Hindujo, en 1839. En decembro 1851 vaporŝipo *Blazer*, sur kiu veturis Sinjoroj Wollaston kaj Crampton, enakviĝis en Anglo-franca Kanalo la unuan submaran ŝnuregon, inter angla promontoro Southerland kaj la franca Sangatte; linio Paris—Londona estis ekuzita. Pro plena sukceso de tiu ĉi eksperimento, submaraj ŝnuregoj multiĝis. Tiel unuiĝis Irlando kaj Anglujo, Kopenhago kaj Danaj insuloj, Danlando kaj Svedujo, Francujo kaj Alĝerio, k. t. p. Fine la iniciata verko estis kronata per enakvigo de ŝnurego inter Irlando kaj Novlando, kio estas ŝuldata al energia kaj obstina agado de l' amerika kapitalisto Cyrus Field. Mi ne rememorigos pri okazoj de tiu ĉi fama entrepreno : malsukcesoj de 1857 kaj 1858, maldaŭra sukceso de l' 5-a de aŭgusto 1858, interrompiĝo de l' elektra transsendo, la nova malsukceso de 1865. Mi citos nur la feliĉan laboradon de *Great Eastern*, la antaŭulo de modernaj ŝipegoj, kaj la definitivan sukceson de 1866 ŝuldatan al genio de glorega scienculo William Thompson (nune lordo Kelvin), kiu sciis triumfi la konfuzojn produktatajn de l' memindukto de l' ŝnurego.

Telegrafo tiel permesis konstante komunikadi preskaŭ unuminute intermonde; vaporo metis al dispono de komercistoj rapidajn transportilojn; inĝeniera arto ŝajnis esti elspezinta sian tutan kapablon. Tamen entrepreno aliaklasa estis tuj aperonta, kiu devis kontribui grandaparte al evoluado de l' moderna komercado. S-ro de Lesseps konceptis projekton pliproksimigi Eŭropon kaj Orienton traborante la Suezan terkolon. Londono tiel estus pli proksima de Kalkuto ĉirkaŭ 5000 kilometrojn, kaj Marseljo pli proksima de Saigono ĉirkaŭ 9000 kilometron. La entrepreno, ekskizita de Seti I. Nekos kaj Darius, studita de Colbert, celita de la franca diplomatio dum Ludviko XV kaj Ludviko XVI, revita kaj preparita de Bonaparto, provita de Mehemet-Ali kaj la St.-Simonanoj, fine estis elfarota dank' al energio de Ferdinando de Lesseps. Mi ne

povas eĉ resumi tie ĉi historion de l'Sueza kanalo. Mi kontentiĝos, rimarkante ke, malgraŭ kontraŭagado forta kaj daŭra de Anglujo, la 30-an de novembro 1854 Said-Paŝo liveris al sia » amiko « F. de Lesseps la donacan ordonon. La 5-an de januaro 1856 la regularo de l' » Universala Kompanio de mara Sueza Kanalo « estis aprobataj de Said. La paskan lundon 20-an de aprilo 1859 la unua frapo de fosilo estis farata sur la bordo de Port Saido; kaj la 17-an de novembro 1869, la *Aglo*, surhavanta la francan imperiestrinon, eniris la kanalon, sekvata de ŝipoj.

Malfermo de Sueza kanalo redonis al la Mediteranea regiono la komercan gravecon, kiu estis forigita de eltrovo de Ameriko kaj de Hinda vojo preter Sudafriko. Pro tio ĉi, komercado de Francujo ankoraŭ pligrandiĝis, dum renaskiĝis tiu de Itallando, Aŭstro-Hungarujo kaj Suda Rusujo.

## IV.

Sed la granda komercado povas libere fariĝi nur se mono rondiras larĝe kaj se kredito estas granda. Pro fakto mem de grandaj laboroj necesigitaj de konstruo de fervojoj, kreo de telegrafaj linioj kaj submaraj ŝnuroj, organizo de metalistaj fabrikoj provizontaj laborejojn por vaporŝipoj kaj ŝirmŝipoj, malfermo de Sueza kanalo, la eŭropaj ŝtatoj kiel la privataj societoj bezonis alvoki publikan ŝparaĵon. Por ke tiuj alvokoj estu aŭskultataj, estis necese, ke financistoj intervenu kiel peruloj inter kapitalistoj kaj inĝenieroj. Tial ni vidas kreditajn institituciojn multigi siajn filiojn kaj novajn bankojn ĉie kreiĝi. La Banko de Francujo fondis de 1860 ĝis 1870 dudek-kvin novajn filiojn. La Liona Kredito fondiĝis en 1863. En 1864 aperis la Societo Generala. En Anglujo, privataj bankoj simile multiĝis, kaj la movado disvastiĝis en tuta Eŭropo.

Aliparte la oraj minejoj Sakramentaj malkovriĝis en Kalifornio ; la minoj donis produktadon da 25 milionoj da frankoj en 1848, 300 milionoj en 1851, 350 en 1854. En 1851 simila eltrovo okazis en Suda Novgalo (Aŭstralio) apud Bathurst, je 150 mejloj de Sidnejo.

En 1846, produktado de multekostaj metaloj en la mondo (ne enkalkulante Ĥinujon kaj Japanujon) estis taksata je 310 milionoj jare. En 1851 ĝi altiĝis al 686 milionoj. Pligrandiĝo de l' mona provizaĵo kaj disvastiĝo de l' kredito estis do kunlaborantaj al disvolvado de internacia komercado. Kaj nacioj jam superaj en la monda komercejo, Anglujo kaj Francujo, la unuaj profitis la situacion.

Universalaj ekspozicioj aperas kaj liveras al la tuta mondo sekreton de l' eŭropa potenco. Londona ekspozicio en 1851 kunigas 17.000 ekspozantojn ; 24.000 estas en Parizo en 1855 ; 27.500 partoprenas tiun de Londono en 1862, kaj 42.217 tiun de Parizo en 1867.

Tial la ekstera komercado de Anglujo kreskas rapide. En 1811 ĝi estis taksata je 1.400 milionoj da frankoj ; de 1855 ĝis 1859 ĝia mezo estas 7.800 milionoj ; de 1865 ĝis 1869 ĝi atingas 13.000 milionojn.

La ekstera komercado de Francujo paralele kreskis. La meza nombro, kiu estis 2.225 milionoj en 1859, atingis 7.935 milionojn en 1869. En 1870 ŝajnis do, ke mondaj komercejoj estos disputataj nur de du nacioj, Anglujo kaj Francujo. Milito franco-germana de 1870—1871 ŝanĝis la situacion kaj malfermis novan periodon, kiu donis al la monda komercado neantaŭviditan vivemon.

## V.

Inter nacioj de l'Eŭropa Nord-Okcidento estis unu, kies komerca estinto atestis realajn kapablojn por granda negocado : ĝi estis Germanujo. Bone loĝata de raso paciencema, obstina, obeema sed ankaŭ agema, sufiĉe riĉa per kampkulturaj produktaĵoj kaj privilegiata de minaĵoj, la nacio, kiu sciis organizi la Rhenan Ligon, la Svaban Ligon kaj la Hanseatan Ligon, povis pretendi gravan rolon ekonomian en modernaj tempoj. Sed ĝi bezonis unue *ekzisti* kiel nacio. Estis necese, ke aperu homo lerta, obstina, senkonsciencriproĉa, por fandi unumase la dudek ses reĝ-, princ- kaj duklandojn disajn inter Vistulo kaj Rheno, kaj de Danlando ĝis Alpoj, kaj el ili formi unu solan popolon per fero kaj sango. Tia homo estis princo von Bismarck. La *Zollverein* (limdepaga unuiĝo) preparis la vojon por l' unuigo. Jam en 1819 germana asociacio por komerco kaj industrio fondiĝis en Frankfurto. En 1828

Bavarujo kaj Vurtenbergujo konfuzis siajn impostajn limojn; en 1833 Prusujo kaj tri regnetoj aliĝis tiun ĉi grupon. En 1841 la *Zollverein* ekformiĝis oficiale kaj en 1851 unu sama barilo ĉirkaŭis la 25 milionojn da loĝantoj formontaj la novan germanan imperion. La komerco en tiu ĉi regiono notinde profitis la limdepagan interkonsenton. Sed por aŭtoritate aperi sur la mondan komercejon, la nova grupo bezonis ekkonfidi je si mem. Tiam intervenis Bismarck. Li antaŭdesegnis sian diplomatian verkon per milito de duklandoj, finita de Viena paco la 30-an de oktobro 1864 ; li ĝin daŭrigis per elpelo de Aŭstrujo, t. e. per milito kun Aŭstrujo, finita de Praga kontrakto la 23-an de aŭgusto 1866; li ĝin finis per la franco-germana milito kaj la kontrakto en Frankfurto-Mejna la 10-an de majo 1871. Proklamite en Galerio de Speguloj, en Versailles, dum sieĝado de Parizo, la 18-an de januaro 1871, la unuigo de la germana imperio estis sankciata de la interesataj nacioj. Kaj Germanujo faris en la mondo aperon des plis senzacian, ke ĝi ĵus montris altegan militan potencegon.

De tiam ,ĉiam preta por milita entrepreno, ĝi sin turnis al komercado kaj industrio. Bezone estis unue krei la ekonomian iloron necesan por granda nacio. Por tio, ĝi fermis siajn landlimojn jam en 1879 per taksaroj nete protektaj. Tiel ĝi certigis al si sian propran komercejon ĉiujare grandiga tan de meza alveno da 500.000 novaj loĝantoj. Nune, kiam naskiĝoj proksimume nuligas mortojn en Francujo, en Germanujo ili donas superfluon da 750 al 800.000 ! La fabrikoj germanaj kreskis, la komunikvojoj dismultiĝis ; la obstina agemo de la inĝenieroj kaj scienculoj donis fortan puŝon al la minaj, metalaj kaj ĥemiaj industrioj. Baldaŭ la fabrikoj siavice alvenis al stato de troprodukto, kaj oni devis pensi lokigi eksterlanden la produktojn, kiujn la nacia konsumado jam ne sufiĉis ensorbi. Jam vojoj estis pretigitaj de multaj migrintoj loĝantaj en Suda kaj precipe Norda Ameriko. Fidelaj uzantoj de metropolaj produktaĵoj, ili favoris la germanan elportadon, des pli, ke ili ŝatigis ĉirkaŭ si komercaĵojn iafoje malbonkvalitajn sed ĉiam malkarajn. Samtempe, el la germanaj teknikaj lernejoj, eliris amase komercaj vojaĝistoj instruitaj, parolantaj kelkajn lingvojn, fleksebla, pretaj sin konformigi al gusto de siaj novaj klientoj kaj ne trudantaj sian propran kiel ilia angla aŭ franca kolego, persistemaj en siaj entreprenoj kaj proponantaj longedaŭrajn kreditojn. La monda komercejo favore akceptis ilin, faris mendojn al ili; iom post iom la germana industrio, perfektigante siajn produktajn metodojn, precipe por artaj kaj luksaj industrioj, povis liveri ĉiam malkarajn produktaĵojn, sed tiel fortikajn, sume, kiel konkurantaj komercaĵoj.

Anglujo kaj Francujo de tiam havis novan konkuranton, ne nur sur la monda, sed eĉ sur sia propra komercejo. Ne estas necese atestigi la faman broŝuron *Made in Germany*, kiu kaŭzis tiom da bruo antaŭ kelkaj jaroj en Anglujo.

Aliparte nacio ĝis tiam izolita en Oriento Eŭropa, Rusujo, elmontris sian volon eniri la grupon de industriaj Potencoj. Senigite de profitoj, kiujn ĝi esperis el siaj venkoj super Turkujo dum milito 1877-1878-a, kaj devigita subskribi la Berlinan kontrakton en la 13-a de julio 1878 post atingo de l'San-Stefana kontrakto de l'3-a de marto, ĝi turnis sian eksteran agadon al centra Azio kaj Ĥina landlimo. Tamen ĝi ne forlasis el sia atento siajn eŭropajn interesojn. Ofendita de la agado de la germana diplomatio, kies ĉiuj preferoj iris al Aŭstrujo, ĝi decidiĝis fari festoj de Kronstadto kaj Moskvo, en julio 1891-a. De sia kunligano Francujo ĝi petis la monon necesan por disvolvi sian industrian potencon. Ricevinte ĝin kaj pli kaj pli fortigante sian landlimon per taksoj severege protektemaj, ĝi baldaŭ povis kontentigi siajn bezonojn kaj eĉ forporti siajn produktaĵojn en Ekstrem-Orienton.

Dume, la mondo vidis aperon de nova provizisto, grandegulo per sia teritorio, loĝantaro, minaj kaj arbaj riĉaĵoj, produktado de grenaĵoj kaj brutoj, per agemo, energio kaj entreprenemo de siaj komercistoj : nordamerikaj unuigitaj ŝtatoj. El la Secesia Milito, finita en 1865 kaj kies lastaj postsignoj malaperis en 1877, la granda Respubliko eliris pli forta kaj unuigita. Vivigate senĉese de multa naskado kaj de jara enmigrado da pli ol 1/2 miliono da plenagaj homoj, protektate ankaŭ de taksoj altegaj, eĉ iafoje forpelemaj, kampkulturo kaj industrio de Unuigitaj ŝtatoj diskreskis ĝis tia grado, ke, enportema ĝis ĉirkaŭ 1895, la amerika

nacio fariĝis eksportista kaj celas alpreni ĉefan lokon, ne nur sur Ekstrem-Orientaj sed ankaŭ sur eŭropaj komercejoj.

VI.

En fino de XIX-a centjaro estis do kvar naciegoj liveristoj al la mondo : Anglujo, Germanujo, Francujo, Amerikaj Unuigitaj Ŝtatoj. Apud ili Rusujo, Belgujo, Holando, kaj por diversaj komercaĵoj Italujo klopodis por akiri sian klientaron. Tio ĉi estas nova fakto en la historio ekonomia, kaj ĝi devenas de la disvolvado de jam konstatitaj fenomenoj : plibonigo de transportaj vojoj, rapidigo de komunikoj, grandega disvolvo de l' kreditaj institucioj, industria produktego devenanta de labora divido kaj perfektiĝo de l' ilaro, fine disvastigo de la konsumejo per koloniaj entreprenoj.

Kelkajn vortojn pri ĉiu el tiuj ĉi kaŭzoj. En la 1-a de januaro 1901, la fervojoj atingas en Ameriko 402703 milkilometrojn, en Eŭropo 283524 milkilometrojn, en Azio 60725 milkil., en Oceanio 25151 milkil., en Afriko 18469 milkilometrojn.

Kelkaj el tiuj ĉi ferlinioj trairas tutan kontinenton. Tiel la transkontinentaj amerikaj, kies unua estis *Central-Pacific* (5400 kilom.) unuiganta jam en 1869 Nov-Jorkon, Ĉikagon kaj San Franciskon. Tiel la *Transkontinenta Kanada*, liganta Halifakson kaj Vankuvron (6000 kil.), kion duobligos en 1908 linio unuiganta Kebekon kaj port-Simpsonon (5300 kil.). Tiel precipe la *Transsiberia*, kiu unuigas tra Moskvo la tutan eŭropan reton kun Vladivostoko, kaj per sia forlongaĵo, la *Transmandĵuria*, kun Port-Artur. Komencite en 1892, la Transsiberia finiĝis en 1902 : Komerca vojo da 10.680 kil unuigis S.-Peterburgon kaj Vladivostokon. Oni bezonas ĉirkaŭ 25 tagojn por iri de Moskvo ĝis Vladivostoko.

Ankoraŭ pli interesanta linio estas aldonita al la Transsiberia, la Transmandĵuria, Vaporŝipoj dejoras inter Dalnij, Sanghajo kaj Nagazako. Per tiu ĉi vojo oni povas iri en 18 tagoj de Parizo al Ŝanghajo.

Dank' al suma elspezo da 200.000 frankaj milionoj, la tuta mondo estas do nune surstrekita de relvojoj. Kaj ĉiutage la rapideco de la vagonaroj pligrandiĝas. Sur firmaj vojoj eŭropaj, la rapidaj faras cent kilometrojn ĉiuhore, trenataj de lokomotivoj fortaj da 1600 aŭ 1800 ĉevaloj mekanikaj.

Siaflanke la vaporŝipado analogie diskreskis. La *vapora* komercŝiparo de civilizitaj landoj estis :

| | | |
|---|---|---|
| en 1850. . . . | 2.400.000 | tunoj |
| en 1880. . . . | 10.000.000 | tunoj |
| en 1900. . . . | 22.000.000 | tunoj |

La moderna komerca ŝiparo valoras 19.000 milionojn da frankoj. Kaj la grandaj navigaciaj kompanioj proponas al uzado de komercistoj — por treege malkara prezo — kolosajn ŝipojn.

La *Celtic*, de la » White-Star-Line « (angla K-io), konstruita en Belfasto, 29.000 tuna, havas 213 metrojn da longo, povas porti 2.850 vojaĝantojn kaj 400 ŝipanojn ; ĝi hostis 15 ½ frankajn milionojn. Ni estas malproksime de la 350 tunoj de l' *Savannah*.

La » *Deutschland* «, de la » Hamburg-Amerika-Linie «, el Hamburgo, dotita de 36.000 ĉ. m. kaj longa je 209 metroj, posedas rikordon de la surmara rapideco : ĝi povis fari en 5 tagoj kaj 6 horoj, kun rapideco da 43 kilometroj ĉiuhore (ĉirkaŭ 23 1/4 n.) la transiron de Nov-Jorko al Britinsuloj. Kie estas la 25 tagoj de l' unua transiro de Ameriko Eŭropon ?

Kaj ne nur la interspacoj malgrandiĝas pro plirapidiĝo de la transportiloj, sed ili malgrandiĝas *efektive*, dank' al ŝanĝoj, kiujn faras la inĝenierarto en la tera globo.

Profitante la sperton akiritan ĉe Suezo, la inĝenieroj atakas la terkolojn kun ĉiuj sukcesiloj.

La Korinta istmo estas traborita en 1893 kaj nun 5940 metra kanalo unuigas maron Ionian kun Egea.

La kanalo Vilhelmo, de Kiel al Elbo (99 kil.), malfermita en 1895, komunikigas la germanan Baltikon kun Norda maro, evitante la danajn markolojn.

La Ŝip-Kanalo, de Liverpolo al Manĉestro, malfermita en 1894 (57 kil.), rekte kondukas la ŝipojn en la anglan kotonan ĉefurbon.

La kanalo de Imudno (24 kil.), malfermita en 1876, permesas al la ŝipegoj atingi Amsterdamon.

La Panama kanalo, kies laborojn ekkomencis franca kompanio, estas tuj traborota

de Unuigitaj Ŝtatoj. Post dekduo da jaro, aŭ malpli, la ŝipoj irantaj de Eŭropo San-Franciskon havos transiron malpli longan da ĉirkaŭ 10.000 kilometroj.

Aliparte la inĝeniero ŝanĝas la karton de surteraj vojoj, fosante tunelojn sub montaroj ne surireblaj de lokomotivo. En 1871 la tunelo de Ceniso (12.220 metroj) pliproksimigis Lionon de l' Poa valo. En 1880, la tunelo de Gotardo (14.900 metroj), malfermis rektan vojon inter Genuo kaj Centra Eŭropo. En 1906 la Simplona tunelo (19.737) metroj, unuigis Genuon kun alta valo de Rhono. La fervojoj de Brenner kaj Arlberg rapide komunikigis nordan Italujon kaj Svisujon kun Danuba valo.

Dume, reto da elektraj komunikiloj daŭris disvastiĝi super la mondo. Nune 300.000 kilometroj da submaraj ŝnuroj kaj ĉirkaŭ 1.200.000 kilometroj da surteraj linioj, servataj de preskaŭ 6 milionoj da kilometroj da fadenoj, ĉiutage kaj minute informas la komercan mondon pri la okazanto en la mondo. Le telegrafiloj *Hughes* presas la depeŝojn per ordinaraj literoj; la *Baudot'*aj transsendas kelkajn depeŝojn samtempe per unu fadeno. Kaj, eble la komercistaro povos baldaŭ utiligi la senfadenan telegrafion, kiujn eksperimentoj de italo *Marconi*, pacience farataj de 1896, jam igis praktiketa.

Nova kaj ŝateginda eltrovo : telefono, igis ankoraŭ pli aktivaj la elektrajn komunikojn. Jam en 1865, germano *Filipo Reiss*, instruisto en Fridrichshof, malkovris la principon de elektra transsendo de muziksonoj. En 1876 *Graham Bell*, profesoro en Bostona domo de surdmutuloj, kreis la telefonon elektro-magnetan. Sed tiu ĉi telefono ne transsendis la voĉon kun plena dezirinda neteco kaj forto. Restis trovi aparaton kapablan obligi la intensivecon de telefonaj elektoj. Amerikano *Edison* elpensis en 1877 la mikro-telefonon, igante pli praktika la *Bell*-aparaton. Fine *Hughes* ekuzis en 1878 mikrofonon, kiu nune igis la telefonon faciluzebla aparato; ĝi transsendas nete la voĉon ĝis 1.500 kilometroj. La telefona retaĵo en civilizitaj landoj atingas hodiaŭ 6 aŭ 700.000 kilometrojn.

Tiel ankoraŭ pli rapide kaj pli oportune dissendiĝas la novaĵoj. Sed por ke la granda publiko ilin konu, estis necese havi perilon, kiun ni trovas en la gazetaro. La verko, kies fundamenton starigis *Jan Gutenberg* (Hans Gensfleich) kun *Fust* kaj *Schöffer* en mezo de XV-a centjaro, diskreskis ĝis tia grado, ke ĝi liveras pli ol postulas bezonoj de la civilizmondo. Teknikaj revuoj, grandaj ĉiutagaj gazetoj, populara ĵurnalaro — 6000 gazetoj nur en Francujo — provizitaj per telegrafaj fadenoj, propraj presiloj, perfektigitaj maŝinoj, ĉiutage liveras al ĉiuj, al malriĉuloj kiel al riĉuloj, la informojn transsenditajn interlande, interkontinente.

## VII.

Oni do komprenas, ke en tiaj kondiĉoj la ekstera komercado de la civilizmondo rapide evoluis ; ĝi atingas nur ĉirkaŭ centmil milionojn, el kiuj sepdek mil por Eŭropo :

Unuigita Reĝlando, 22.000 milionoj frankaj (ĝenerala komerco).

Germanujo, 12.500 milionoj frankaj (speciala komerco).

Unuigitaj Ŝtatoj, 11.500 milionoj frankaj (speciala komerco).

Francujo, 8.500 milionoj frankaj (speciala komerco).

Holando 7.500 milionoj frankaj (speciala komerco).

Belgujo, 4.500 milionoj frankaj (speciala komerco).

Por reguligi tiun ĉi grandegan sumon da jaraj interŝanĝoj, estis necese, ke la metala provizaĵo de l' mondo plimultiĝu kaj la kredito plieprfektiĝu.

Tiel estis.

En la momento, kiam malfermo de Sueza kanalo minacis deturni la eŭropan atenton de Sud-Afriko, la Kapdiamantejoj (Griqualand West) alvokis en Sud Afrikon la ĉiulandajn aventuramulojn — mi ne diras aventuristojn. En 1870—71 produktiĝis unu » *rush* «, kiu finiĝis sub influo de tempo per enscenejiĝo de Cecil Rhodes kaj de » Kimberluloj «. Kreo de la » de Beers' kompanio « (diamanta) faris fortunon de la Kimberlaj financistoj. Norden serĉante, tiuj ĉi maltimemuloj eltrovis la orajn kampojn, kaj Johanesburgo aperis.

Pri sekvoj de tio ĉi, pri alporto en la mondon de flava metalo, mi ne parolos : jam en L. I. pli aŭtoritata voĉo traktis la monan

problemon. *) Mi citos nur, por doni ideon pri intensiveco de la negocado, kelkajn *kompensajn* nombrojn. La ĉambro de Parizaj bankieroj kompensis en 1900—1901 10500 frankajn milionojn, dum la » Franca Banko « kompensis 45.000 milionojn ; la Londona *Clearing-House* 241.000; la Nov-Jorka 401.000, kaj la samspecaj amerikaj institucioj. Kune 599.000 frankajn milionojn.

VIII.

Ni sciiĝis nun pri hodiaŭa komerca aktiveco de civiliza mondo kaj pri ĝiaj kaŭzoj. Restas klarigi, kial Eŭropo kaj Amerikaj Unuigitaj Ŝtatoj ekentreprenis koloniadon, kio karakterizas ekonomian diskreskon en fino de XIX-a centjaro.

Ekonomia bezono kaj zorgo observadi marajn vojojn, jen du ĉefaj kaŭzoj de la nova celado de eŭropa politiko.

Ni precizigu unue la ekonomian faktor. La fortega diskresko de l' maŝinismo, sekvinta uzadon de l' vaporo aŭ elektro en laborejoj, kaŭzis multegan industrian produktadon. Industriisto celas atingi ĉiutage solvon de jena problemo : produkti kiel eble plej multe kaj per sia tuta ilaro, por malgrandigi komunajn elspezojn kaj elstarigi vendan koston pli kaj pli malaltan. Dum nacia aŭ apudnacia komercejo povis ensorbi tiun ĉi produktaĵon, ĉio restadis, kiel antaŭe.

Sed laŭ progresado de sciencoj, libroj, gazetoj, ekspozicioj pli kaj pli liveris al ĉiu ajn procedojn perfektigitajn ; ĉiulanda ilaro fariĝis do baldaŭ sama. Tre malfacile oni povas nun konservadi monopolon efektivan : tiu ĉi nacio, pli riĉa je minejoj, devas pagi pli kare laboradon ; tiu alia, per moderaj limdepagaj prezaroj, ricevas malkare primitivaĵojn, kiujn ĝi bezonas. Kaj ĉar fervojoj kaj ŝipegoj alportas ĉien de ĉiuj anguloj ĉiujn produktaĵojn, tial venis momento, kiam eŭropa konsumado ne sufiĉis plu ensorbadi la industrian produktaĵon. Tiam oni devis serĉadi komercejon en kolonioj.

Tion ĉi faris Anglujo jam longe. Kun helpo de cirkonstancoj, ĝi fariĝis pli entreprenema. Ĝi aneksis kolonion post kolonio, jen pro landa riĉeco, jen pro ĝia situacio ĉe mara vojo (kiel por alirejoj de la Sueza Kanalo), jen por antaŭe malhelpi agadon de konkuranto. Francujo, aliparte, jam en Algerio, deziris grandigi sian bienon, okupante Tunizion ; poste ĝi vastigis ĝin al Okcidento Afrika. Por certigi sian situacion en Oriento, ĝi rekreis imperion en Hindoĥino kaj okupis Madagaskaron por observi vojon al la nova kolonio.

Intertempe, Germanlando, kiu kontentiĝis dum kelkaj jaroj havi » koloniistojn sen kolonioj «, pretendis siavice organizi kolonian imperion. Tiuj ĉi tri Potencoj per sinsekvaj kontraktoj, fine dividis inter si preskaŭ tutan Afrikon !

Siaflanke Holando kaj Portugalujo klopodis konservadi sian posedaĵon, ĝin plibonigante. Rusujo sin vastigis pli kaj pli en Azio, ĝis aneksado de duono de tiu ĉi kontinento.

La kolonia febro ŝajnis ataki nur Eŭropon ; subite ĝi ekmontriĝis en Unuigitaj Ŝtatoj. La nova kaj jam fortega Potenco Amerika ekvolis ĉu protektadi la » fratinajn respublikojn «, ĉu krei al si staciojn por observadi la ĉiam pli kaj pli disvastiĝemajn eŭropajn naciojn.

De tia ĝenerala movado sekvis serio da koloniaj entreprenoj, pri kiuj mi ne povas detale raporti tie ĉie. Francujo nun posedas utilan kolonian bienon da 4 milionoj kvadrataj, loĝatan de 45 milionoj da homoj. Anglujo havas 29 milionojn da kilometroj kun 350 milionoj da regatoj. Holando ekspluatas 2 milionojn da kilometroj kun 35 milionoj da loĝantoj. Germanlando jam alprenis 2 ½ milionojn da kilometroj kun 12 milionoj da loĝantoj. Rusujo entenas 17 milionojn da kilometroj kvadrataj kaj 25 milionojn da azianoj. Unuigitaj Ŝtatoj almilitis super hispanoj aŭ ricevis per specialaj kontraktoj, Kubon, Porto-Rikon, Filipinojn, Havajojn, Samoajn, kaj Guaman insulojn. Ili traktadis ankaŭ pri danaj Antiloj.

Sed ĉio ne montriĝis plej bona en la nova stato. Kolonioj ĝis mezo de XIX jarcento estis ĉiam liveristoj al la posedanto ; subite tiu ĉi volis ŝanĝi la rolojn kaj postulis de la kolonioj, ke ili fariĝu kontraŭe konsumantoj : la postulo estis malbone akceptata. Kaj tion ĉi oni komprenas : niaj moroj, uzoj, kutimoj tro diferencas de tiuj de la

(*) Raphael-Georges Lévy : *Nuna stato de bimetalismo,* L. I. 1903, n-roj 8, 9, 10.

kolonianoj, por ke oni povu esperi fruktodonan konsumadon ĉe ili ĝis dekoj kaj dekoj da jaroj post ni. Kaj tamen la industriaj produktaĵoj ĉiam multiĝas en Eŭropo.

Kiel diras la amerikanoj, oni konstatis, ke la milionegoj elspezitaj por koloniaj militoj kaj militŝiparoj » ne pagas «. Estis necese serĉadi tujajn komercejojn ĉe landoj tre loĝataj. Tiam Eŭropo sin turnis al Ĥinujo, kie vivadas pli ol 400 milionoj da homoj. Kia bela konsumejo, se oni povus ĝin libere aliri !

Germanujo unua provis ĝin, sin enlokigante por 99 jaroj ĉe Kiao-Ĉeu, en 1898. La konkurantoj ne malrapidis.

Tuj Rusujo eniris Talien-Uanon kaj Port-Arturon ; Anglujo, jam reganta en Hong-Kongo, eniris Uej-Haj-Uejon ; Francujo rondigis sian indoĥinan bienon kaj Italujo sensukcese ekprovis meti piedon en la Ĉielan Imperion. Sed la afero ne iris bone : la Ĥinoj ne deziras esti persekutataj de tro avidaj fremduloj kaj ili respondis per la 1900-a ribeliĝo. Kion ili faros poste ?

Nune, la Ĥina imperio estas zorge observata triflanke de tri grandaj nacioj : norde de Rusujo, kiu uzas plej bonan enirmanieron, konstruante fervojojn ; oriente de Anglujo, kies atentado koncentriĝas al la granda komerca vojo de Blua Rivero; sude de Francujo. Sed tiuj ĉi tri nacioj ne povas agadi libere : du agemaj observantoj ilin minacas : Unuigitaj Ŝtatoj kaj Japanujo.

Malfermite al eŭropa komerco apenaŭ de 50 jaroj, Japanujo akceptis kun miriga facileco okcidentan civilizon; ĝi konstruigis fortan militŝiparon, organizis militistaron, kiu montris sian taŭgecon en 1900 apud la la kunigitaj armeoj kaj povas amasigi 250.000 soldatojn; 6.000 kilometroj da fervojoj retumas ĝian teritorion; ĝiaj fabrikoj kaj arsenaloj povas certigi reparadon de ĝia ŝiparo. La unua, ĝi ekvolis ekspluati la riĉaĵojn ĥinajn kaj komencis per la ĥina-japana milito en 1894—1895. Senigite de parto el la profitoj ricevitaj per kontrakto ĉe Simonosako (1895) pro interveno de Rusujo, Francujo kaj Germanujo, ĝi forlasis sian rabitaĵon dum unu momento, sed la ĵusa ruso-japana milito kaj la verŝajne definitiva stariĝo de Japanoj en Mandĵurujo pruvis, kle a « Ekstrem-Orientaj Angloj » ne forlasis sian deziron...

Ŝajnas do, ke divido — aŭ pli ĝuste » ekspluatado « — de Ĥinujo ne estos facila afero. Unuflanke la 426 milionoj da ĥinoj estas kapablaj sin defendi, eĉ se nur per inercio forto : aliparte la eniristoj havas nenian kunan planon; fine Eŭropaj Potencoj, Rusujo, Anglujo, Francujo, Germanujo, krom siaj propraj konkuraĵoj, devas serioze kunkalkuli agadon de Unuigitaj Ŝtatoj kaj Japanujo.

La estonto diros, kiaj rezultatoj praktikaj devenos de la giganta entrepreno komencita en 1895.

## IX.

Restas nun resumi lecionon el la ĵus konstatitaj faktoj.

Hodiaŭ nenia nacio, kiel ajn potenca ĝi estas, eĉ severege protektata de limdepagaj impostoj, povas pretendi monopoladon de iaj produktaĵoj, kulturaj aŭ industriaj. Neceseco de internaciaj komercaj rilatoj estas tiel truda, ke ŋenia popolo povas sin izoligi per forpelemaj impostoj, se ĝi ne volas sufokiĝi en sia propra limdepaga zonumo. La ekonomia regimo de Eŭropo povos esti plimalpli liberema, pli-malpli protektema : ĝi estos tamen ĉiam *ĝenerala*. Tial kondiĉoj de industria aŭ terkultura produktado unuformiĝas.

Facileco de komunikoj emas niveligi ĉiujn komercejojn de diversaj produktaĵoj, ne nur eŭrope, sed en tuta mondo. Estos do ĉiam pli kaj pli necese, ke komercistoj kontentiĝu per moderaj profitoj por subteni bataladon kun konkurantoj. Kaj ili emos necese multobligi sian negocadon por konservadi la aran ciferon de gajno. De tio venos multiĝo de grandaj entreprenoj, apogitaj sur riĉaj kapitaloj, kaj grada malapero de modestaj firmoj.

Sed pro tio, ke konkurantoj fariĝos pli kaj pli potencaj, batalado fariĝos pli kaj pli akra. Kaj ĝi finiĝos per multaj ruiniĝoj, se oni ne sukcesos ĝin disciplinadi.

Devige ĝi disciplinîĝos; eĉ ĝi jam komencis. La germanaj kaj aŭstraj karteloj, la francaj sindikatoj de produktistoj, la amerikaj trustoj organizis la movadon. La estonto apartenos al sindikatoj, unue naciaj, poste internaciaj, fine interkontinentaj.

La granda moderna produktado estos profitiga, nur se ĝi estos reguligita. Kaj organizado de l' vendado devas akompani tiun l' produktado. Laboristaj sindikatoj grupigintaŭ ĉiujn laboristojn kaj mastraj unuiĝoj grupigintaj la kapitalojn — kaj konstanta interkonsento inter ili ambaŭ, reguliganta la *kondiĉojn* de la produktado — trustoj, aŭ sindikatoj arigantaj ĉiujn industriistojn samkategoriajn kaj reguligantaj kvanton de la produktado : tia estos kredeble kadro de l' estonta industria organizado.

Sindikatoj aŭ trustoj, kunigante sub unu direktado oficejojn de produktado kaj oficejojn de vendado, kredeble multiĝos.

Same ili trudiĝos al konkurantaj entreprenoj de internaciaj transportoj.

Ekspluatado de kolonioj fariĝos ebla nur por kompanioj disponantaj gravajn kapitalojn. Penetrado en komercejojn ekstremorientajn fariĝos nur per agado de financaj kompanioj potencaj, liverantaj siajn kapitalojn al publiklaboraj entreprenistoj kaj al komercaj societoj.

En tia nova organizo de la moderna komercego, la antaŭatipa negocisto jam ne havos lokon. Ordamo, ŝparemo, agemo, kiu sufiĉis al l' antaŭa komercisto, estos ankoraŭ necesaj ecoj; sed la moderna komercisto bezonas plie gravajn kapitalojn kaj vastan instruitecon. Kun mezaj rimedoj, li dependos de la grandaj konkurantaj entreprenoj ; sen plena komerca instruiteco, li ne povos utiligi ĉiujn elementojn, kiujn liveras tiel riĉe teknikaj eldonaĵoj : li vidos siajn kombinaĵojn ruinigitaj de subitaj ŝanĝoj, kiujn liaj konkurantoj, pli bone informitaj, sciis antaŭzorgi.

Tiel praviĝas tiu vorto, ke la instruado al la nuntempa popolo devas esti antaŭ ĉio *ekonomia*.

En mondo, kie posedaĵaro emas samvaloriĝi, plu ne estos ebla al granda plejmulto de regnanoj — vivadi senlabore. Kaj por ke laboro estu profitiga, ĝi devos esti science kondukata. La estonta mondo apartenos al la inĝeniero, financisto, negocisto. Tial teknikaj lernejoj multiĝis en ĉiuj civilizaj landoj : inĝenieraj, terkulturaj, komercaj lernejoj.

En Francujo 14 superaj lernejoj komercaj estas malfermitaj al studentoj; en Germanujo du komercaj Universitatoj (Leipzig kaj Aachen) kaj multaj duagradaj lernejoj ; en Aŭstro-Hungarujo 61 superaj lernejoj komercaj diverstipaj; en Rusujo 13 oficialaj kaj 7 privataj lernejoj. Svedujo havas komercajn lernejojn en Göteborg kaj Stokholmo; Norvegujo en Kristianio, Bergen kaj Bodö. Hispanujo havas 8 superajn lernejojn. Italujo, Belgujo, Hollando, Svisujo havas similajn instituciojn. Japanujo malfermis tiajn lernejojn en Osaka kaj Tokio.

En la tuta Eŭropo funkciadas — flanke de lernejoj komercaj — diverstipaj teknikaj lernejoj. Pli kaj pli la ordinara instruado, precipe en Francujo, emas ricevi ekonomian karakteron, ĉu en duagradaj lernejoj, ĉu en Universitatoj.

Estas ja necese, ke la negoclernanto estu instruita homo. Kvankam li havas malpli da ŝancoj, ol antaŭe, por atingi per siaj solaj fortoj al riĉegeco, tamen li trovos ĉiam sian lokon en la potencaj societoj difinitaj por anstataŭi agadon de individuoj per sia propra. Kaj li estos utila radero en la grandegaj entreprenoj, kiuj baldaŭ ekspluatados la mondon. La maŝino ne malaperigis la laboriston : ĝi igis lin ankoraŭ pli necesa. La starigo de grandaj industriaj aŭ komercaj societoj necesigos klerajn homojn en pli granda nombro por esti skeleto de tiuj ĉi grandaj entreprenoj. Kaj la fortuno ridetos tiel volonte, kiel hodiaŭ, al la plej instruitaj, agemaj, entreprenemaj.

Trad. HENRI RAMIER.

# LA HEREROJ

Krom 1889-a kontraŭado de Zangvebaraj Mahometanoj ĝis nun germanoj ne estis ricevintaj gravajn malfacilaĵojn de siaj afrikaj regatoj. Tio ĉi jus estas tre ŝanĝita de riebliĝo de Hereroj, ĉefa gento de germana Sud-Okcidenta Afriko. Tiu ĉi kolonio sidas laŭ 1.200 kilometroj de riverego Kuneno, kiu ĝin apartigas de Portugala Angolo, ĝis riverego Oranĝo, kiu ĝin apartigas de angla kolonio de Kapo. Okcidente banata de Oceano Atlantika, ĝi estas apartiga en Oriento de angla Beĉuanalando per interkonsenta linio strekita en Kalahara deezrto.

La Hereroj loĝas en Damaralando, t. e. en la meza regiono de la kolonio, kie loĝas plej multo de l' eŭropanoj kaj kie pasas la relvojo konstruita inter haveno Svakapmundo kaj urbo Vindhoko, sidejo de l' registaro. Ilia ireja regiono kuŝas sur 200 kilometroj sud-norde kaj 370 orient-okcidente, t. e. 74.000 kvadrataj kilometroj. Ilia nombro atingus — laŭ kalkuloj devige proksimumaj — 65.000 individuojn, kunkalkulinte Ovambandjeruojn, kiuj loĝas en la orienta distrikto de Gobabisó kaj diferencas de la Hereroj nur per idiomaj apartaĵoj : en statistika stilo, ilia denseco ne superus do 0,8 loĝanton por ĉiu kvadrata kilometro.

Se oni ordigus la homtipojn laŭ ilia talio, aparta loko estus por la Hereroj, kies alteco superas meze tiun de la nord-eŭropaj loĝantoj. Ilia haŭto estas tre nigra; ili ne havas la ordinaran vizaĝon de negroj, kaj ilia nazo, anstataŭ esti platigita, estas iafoje agla.

La Hereroj ne estas terkulturistoj ; iom eble iafoje ili kulturas legomojn sub influo de misiistoj. Ilia sola okupado konsistas kreskigi dikbrutojn. Nature nelaboremaj, ili fariĝas diligentaj tuj kiam estas aranĝotaj brutejoj, aŭ postkurotaj — ofte longatempe — bovoj vagantaj.

La Hereroj ne buĉas siajn brutojn por ilin manĝi, sed nutras sin kutime per acida lakto. Ili rilatas al siaj brutaroj, kiel avarulo al sia trezoro, ĉe kies flanko ili prefere malsatiĝas; la eŭropanoj havas grandajn malfacilaĵojn por aĉeti bestojn de la Hereroj, kiuj iafoje konsentas vendi malbonkreskajn bovojn, sed neniam laktantajn bovinojn.

La brutoj diferencas de la eŭropaj per longeco de kuroj, delikateco de l'kapo, interspaco de la kornoj, kiuj estas rektaj, ne kurbaj, kaj donas al ili de malproksime ŝajnon de dikaj antilopoj.

Profesio de brutedukistoj sin montras en ĉiuj kutimoj de la Hereroj. Iliaj vestoj, grandaj manteloj, antaŭtukoj, zonumoj (kiujn la virinoj ornamas koketece per eroj da strutovoj), estas tajloritaj en bovofeloj. La zonumoj estas tenataj per rimeno, kiu — pitoreska detalo — servas kiel kvazaŭa » familia kajero « : la Herero markas sur ĝi naskiĝon de ĉiu el siaj infanoj per tubero, kiun li forigas se la infano mortis.

En siaj dancoj la virinoj imitas la scenojn, kiujn la paŝtado montras al ili ĉiutage. Ili ŝajne sin disigas en la herbejo, kuŝiĝas por remaĉadi, ĝoje sin relevas por kuri al trinkejo, alvokante bovidojn per muĝoj.

La funebraj kutimoj havas saman devenon. En bova felo estas envolvataj la mortintoj. Sur la tombo oni oferas bovojn, kies viando estas poste manĝata en familio, kaj kies kranioj, zorge netigitaj, estas kroĉataj al branĉoj.

Tiu ĉi paŝtista vivado disvolvis ĝis plej alta grado la individuismon ĉe la Hereroj ; la estroj ne havas aŭtoritaton. La germanoj, ĝenataj de tiu ĉi malunueco inter la landanoj, klopodis igi la Hererojn akcepti solan estron. Sed efektiva potenco de tiu ĉi persono, nomata Maharero, ne etendiĝas eksteren de lia vilaĝo Okahandja.

La Hereroj ne elektis tiun ĉi vivmanieron : naturo de ilia lando ĝin trudis al ili.

La kvanto de pluvo falanta ĉiujare sur Damaralandon ne estas tre multa : ĝi varias inter 30 kaj 50 centimetroj. Sed la ĉefa

malbonaĵo de tiuj ĉi faloj estas ilia malegala disdoniĝo dum la tuto de l' jaro. Kvin monatoj, majo, junio, julio, aŭgusto kaj septembro estas tute sekaj; pluvas nur malmulte en marto kaj aprilo, oktobro kaj novembro; la solaj vere pluvaj monatoj estas decembro, januaro kaj februaro. Tial la vegetalaro de Damaralando estas tiu de sekaj klimatoj; ĝi estas karakterizata de dornaj kreskaĵoj, pikaj alooj, akacioj.

Inter tiuj ĉi dornlignaĵoj kuŝas paŝtetoj; sed la herbo, anstataŭ esti senmanka tapiŝo, konsistas el faskoj, inter kiuj la tero restas nuda. Je tia klimato ĉia terkulturo estas neebla sen arta surakvado, kaj la sola afero postulebla de la tero estas nutrado de brutoj. La germanaj geografoj, kiuj studis tiun ĉi kolonion, eldiris, ke oni povas igi ĝin nur bestoprodukta lando. Jam longe tion ĉi komprenis la Hereroj : ilia vivmaniero estas rimarkinda ekzemplo de absoluta dependeco, en kiu la homo sin trovas iafoje rilate al la Naturo.

Trad. el » Revue Générale des Sciences « H. G. W.

HENRIKO DEHÉRAIN,
subbibliotekisto de la franca Instituto.

# JAPANINO

En komparo kun eŭropa virino, japanino mirigas nin per sia malgrandeco. Ŝi estas malgranda, delikata, rompebla, tiel ke al ni, eŭropanoj, — pro foresto de kutimo, — ŝajnas, ke jen disrompiĝos tiu ĉi belega porcelana pupeto, jen en efektiva vivo ĝi ne havas lokon. Sur alta bretmeblo ĝi estus pli videbla kaj en pli malgranda danĝero... Nin mirigas en japanino ne sole ŝia malgrandeco, sed ankaŭ ŝiaj koloroj kaj maldikaj — vere artaj — » neteraj « manetoj ŝiaj. Beleco de tiuj ĉi manoj plej influas al viroj. Japanoj tre ŝatas » blankecon « en virina vizaĝeto, kaj japanino — malserioza, koketema kreitaĵo — metas al sia vizaĝo apartan — ni diros eĉ — malsaneman atenton. Natura » blanka « koloro de haŭto estas sufiĉe malofta en Japanujo. El dek virinoj eble nur unu ne bezonas helpon de arto. Kosmetiko estas tre uzata en Japanujo, — ĝin trouzas ne sole edziniĝintaj virinoj, sed eĉ tute junaj fraŭlinoj.

— Sen koloriloj kaj blankigiloj... kia do tio ĉi estus tualeto ? ! — mirigite levos sur vin siajn pentritajn brovojn malgranda, bela kaj tre viva pupeto — kaj ĉiuj ŝiaj belaj sampatrujaninoj ĥore jesigos al vi tion saman.

Entute, eksteraĵo — prizorgado kaj ornamigado de sia rompebla korpo, » tre malsimpla « frizado de longaj, tre densaj kaj blue-mallumaj haroj (blondulinojn vi ne renkontos en Japanujo) — plenigas tutan vivon de needziniĝinta japanino. Ŝi tre frue komencas disvolviĝadi kaj tro frue komencas vivi. En aĝo de 10—13 jaroj ŝi estas jam en vera senco malgranda virino, — kaj sur ŝia freŝa agrabla — je eksteraĵo — vizaĝeto ĉiu nepre legos :

— Prenu min kiel edzinon — mi estas granda.

Kaj tia bela pupeto efektive nelonge restas en domo de gepatroj. Ŝin oni prenas kvazaŭ diskaptante. Virinan vivon — aŭ pli precize » virinan sorton « — japanoj dividas je tri periodoj :

1. Frua infaneco — kiam knabino petoladas egale kun knaboj. En tiu ĉi periodo malgranda japanino ploras — ploras, kiel aŭtuna tago — larmoj ŝiaj estas ĉiopova batalilo.

2. Komenco de ekflorado de fraŭlino — kiam ŝi diras adiaŭ por ĉiam al siaj infanaj petoladoj. Trankvila, hontema, timema kaj silentema — silentema — ĝis spirita malkapableco estas tia » grandaĝa « japanineto.

Ŝi nur ridas ĉe ĉiu oportuna kaj neoportuna okazo : ridas, kiam ŝin oni karesas, ridas, kiam oni ofendas, ridas, eĉ kiam ŝi koleras, kaj okuletoj ŝiaj ĵetas fajreretojn.

3. Periodo de edzineco — periodo de plena, senvorta, senprotesta obeado al sia potenculo — viro.

Antaŭe — ankoraŭ ne tre antaŭlonge — severe estis gardata moro » nigrigi « — antaŭ edziĝa ceremonio — perlajn dentetojn de fianĉino, por ke ŝi, fariĝante edzino, ĉesu por ĉiam ĉarmadi virojn. Nun tiu ĉi barbara moro — oni diras — estas » fordonita en arkivon «.

Ĉiu, kiu eĉ nemulte estas konata kun japanaj moroj — estos justa al » pupfigura « japanino — ŝi estas modela edzino kaj rimarkinde saĝa patrino — edukantino. Infanoj vivas en plena ŝia zorgado. Okazoj de nefideleco de edzino estas tiom maloftaj, neeblaj en Japanujo, ke pri ili neniu kaj neniam parolas. Edzo povas dum tutaj jaroj foriĝadi el domo — li estas certa, ke edzino lin atendas pura, kiel kristalo — kaj delikata, kiel kolombino.

Japano ne prenas doton kun edzino. Kiam ŝi eniras en lian domon, ŝi fariĝas lia objekto — lia plena, neforprenebla propraĵo. Kaj » malserioza « japanino bonege komprenas sian malaltigitan situacion, sed ne plendas je malfacila sorto de edzino-sklavino. En domo edzo estas potenculo, ĉio estas lia, al li apartenas honoro, al li apartenas unua loko. Japanoj nomas tion ĉi » danson johi « (reĝeco de edzo). Ili tiel konsideras : » Se edzino nenion portas al edzo, ŝi estas en plena lia dependeco ; ŝi devas obeadi, li — ordonadi. Tio ĉi estas tute justa kaj klara, kiel Dia tago... «

Sed tia estas la situacio de japana virino nur en riĉaj klasoj de societo. Tie, kie ŝi mem perlaboradas, tie, kie ŝi provizadas kaj edzon kaj infanojn, — neniu ekintencos disputi pri ŝia ĉefa loko en familio.

Jason dampi ! — diras japanoj — t. e. » virino reĝas « — edzo submetiĝas. Tia estas sorto de pli feliĉaj virinoj — profesiulinoj. Aparte honora estas situacio de instruistinoj, verkistinoj, pentristinoj, rakontistinoj, muzikistinoj, frizistinoj, oficistinoj en poŝto, en telegrafaj kaj telefonaj stacioj, k. t. p.

Sfero de virina agado senĉese kreskas kaj kreskas en Japanujo. En pupa kapeto de malgrandaj virinoj sin kaŝas fera volo kaj senlaciĝa energio. Feminismo akiras inter Japaninoj ĉiam pli kaj pli da pasiaj, agemaj agitistinoj, por kiuj vortoj » egalrajteco « kaj » libereco « servas kiel karega talismano en viva batalado por atingo de tre dezirata celo.

» Pupeto « celas fariĝi » homos «.

V—d L—o.

# FUENTERRABIO

Tie, sur alia bordo de l' rivero Bidassoo, kontraŭ Hendajo, de l' eniro Hispanujon, kuŝas unu el la plej ĉarmaj landoj, kiujn oni povas imagi, Fuenterrabio, malnova fortikaĵo de Karlo Kvina.

Tiu ĉi nomo tute rememorigas gloran estintecon.

Malfeliĉa urbo, antaŭe feliĉega, multafoje sieĝita, kuraĝege defendita, ofte kaptita, rabegita, ruinigita; loĝejo de riĉaj militistaj aristokratuloj, de noblaj familioj, kies insignoj ankoraŭ ornamas antaŭflankojn de malnovaj » palacios « (palacoj), ĉirkaŭata de fortikegajoj ruiniĝantaj, hodiaŭ Fuenterrabio estas nur mizera urbeto, fiŝkaptistejo.

Tamen, kvankam malĝoja, ruinigita, tiu ĉi urbeto impresas neforgeseble ; eliras el ĉiuj malnovaj konstruaĵoj poezia ĉarmo, kiu ekkaptas la vizitanton.

Unue, ni vidu ĝin de malproksime; baldaŭ ni ĝin vizitos.

De ŝipeto, kiu tien ĉi nin alkondukas, kaj tra sablaĵoj de Bidassoo serĉas trairejon,

oni ekvidas Fuenterrabion sur kampa monteto; ĝiaj konstruaĵoj ŝtupariĝas unu super la alia, kaj, el tiu pejzaĝo, emajlita de verdaĵo, altiĝas preĝeja turo, vera mirindaĵo.

La suna brilado lumigas, vivigas tiun ĉi pentraĵon. Tie staras nek ŝtonoj, nek muroj, sed varma, sunega lumo.

Malantaŭe, Jaizkuibelo, kies flankoj ondoliniaj pro interspaco ŝajnas aerformaj.

Ĉiumomente de l' tago, tiu ĉi vidaĵo estas mirinda : matene ekbrilega, ĝoja; vespere, majesta.

Tiam, ŝajne, antaŭ sia englutiĝo en maron, suno ĵetas plej varmegajn radiojn sur urbeton, kiu baldaŭ en dubeblua nebuleto ekdormos.

Ni alvenas havenon, eĉ haveneton, sed allogantan.

Ĉar la maro forfluiĝis, ni ne povas alproksimiĝi la digon kaj devas malsupreniri sur la marbordon kaj nin riski sur la muskŝtonoj.

Post kelkaj paŝoj, ni piediras teren, transirinte landlimon; ĉu vi pri tio ĉi pensis ? Ne, tute ne !

Observataj de *carabineros* kaj policanoj, entreprenu nian artan pilgrimon.

Jen estas ĉefpordego, la sole staranta, proksimume iom sendifekta.

Ĉu ne estas beletaj tiuj ĉi malnovaj ŝtonoj, kvazaŭ origitaj de suno, ornamitaj de kreskaĵoj, kiuj kreskis okaze, kaj en ŝtonfendoj mirakle nutriĝis ? Tie pendas aristolokioj larĝfoliaj, valerianoj kun siaj rozfloroj, tropeoloj, kvinfoliaj cisoj, kaj multe da aliaj, kiuj belete kaj neatendite ornamas masonaĵon, mordetatan de tempo kaj sezonoj.

Tie ĉi Fuenterrabio kuŝas tiel: plej nobla, plej senartifika, kaj plej kuraĝa el urboj. Sigelita marmoraĵo super pordego al vi ĝin instruas.

Nobeltitoloj malmulte modestaj, sed historie meritItaj.

Ni trairas arkaĵon, kaj antaŭ ni kuŝas la » Calle Major « (ĉefa strato), kruta, torda, mallarĝa, supre ankoraŭ pli mallarĝigata de la tegmentoj, kiuj super ĝi unuiĝas, lasante nur malgrandan spacon, kie la blua ĉielo belege brilegas.

Malgraŭ la mallarĝeco de tiu ĉi strato, la suno en ĝin ĵetas siajn bonfarantajn radiojn. Nenie mallumo, ĉie lumo, kaj en malplej lumaj anguloj, mil rebriloj brilegas; tie la plej belegaj koloroj briletas.

La konstruaĵoj, laŭ kiuj ni iradas, estas rimarkindaj; la plimulto ornamita de grandegaj insignoj, ŝatindaj modeloj de l' heraldika arto; tiuj ĉi ornamaĵoj estas vere iom sendelikataj, senhumilaj, sed tre havas signon de l' hispana arto.

Tie ĉi, ni ne serĉos elegantecon kaj simplecon de ornamaĵoj ; kontraŭe, riĉecon, multegon da skulptaĵoj, supermezuran grandecon de desegnaĵoj, turmentitajn, malsimplajn formojn.

Se l' aro estas premanta, kelkaj detaloj estas atentindaj.

Vidu : ĉu tiuj ĉi balkonoj ferforĝitaj ne estas beletaj kun turnitaj arabdesegnajoj ? Kaj tiuj ĉi tabletoj lignoskulptitaj, mirindaj, kiuj subtenas la eksteraĵon de la tegmentoj; kaj tiuj ĉi pordoj, kies tabuloj ellaboritaj memorigas iom araban stilon, kiu aliloke troviĝas tre ofte en Hispanujo; multe riĉigas tiun ĉi monumenton; sed, oni bedaŭras enpenetron de la modernaj ornamaĵoj, troon da tro kolorigitaj oraĵoj, kaj metalaj brilaĵetoj. Ĉio estas brila, sed sen harmonieco, kaj poezio de niaj gotikaj preĝejoj.

La preĝeja turo havas samajn bonajn kaj malbonajn ecojn ; ĝia formo estas eleganta, ornamajoj tre belaj, sed tro multaj : ili difektas la purecon de la skulptlinioj.

Oni devas vidi ĉi-tiun konstruaĵon de malproksime.

Pli kurioza monumento flanke sidas : la malnova kastelo de la reĝo de Navaro, Sancho Abarea, kiu regis dum la deka centjaro.

Kio staras nun — preskaŭ nenio : kelkaj murflankoj, loĝejaro eble konstruita, dum regado de Karlo Kvina — tio ŝainas majeste arhitekturita. Tiu ĉi kastelo estis kredeble grandega fortikaĵo.

Nun, estas nur amaso da ruinoj nigrigitaj de la tempo, rondetataj de la lepro, kie, feliĉe, sovaĝaj kreskaĵoj gajigas.

Precipe, la korto estas atentinda : la gotikaj arkajoj, la ŝtuparo el grandegaj ŝtupoj, kiujn la grandeguloj nur povas ŝtupi, la disfendetitaj muregoj, kaj ĉie diskreskantaj verdaj kreskaĵoj rejunigas kaj refreŝigas tiun ĉi ĉagrenantan vidaĵon.

Ni surpreniru la turon; sed singardu : oni eniras per ŝtuparetoj, kaj kiaj ŝtuparetoj! apenaŭ muso tie sin riskus!

Sed, turistoj, ni havas ĉiujn maltimegojn.

Ni nun tie estas.

Kia vidajo! Unuflanke, Pirenoj, aliaparte maro; tie Francujo, tie ĉi Hispanujo. Ĉie la vidiĝo estas ravinda, diversa ĉe l' interno de la teroj, majesta per sia unuformeco sur la alta maro, kies ruliĝado harmonie aŭdiĝas.

Tamen, ni devas nin el tiu ĉi vidajo elŝiri, lasi nian observan turon, ĉar ni devas ankoraŭ vidi multe da aferoj.

Novaj stratoj antaŭ ni kuŝas, stratoj pli pentrindaj unu ol aliaj; malnovaj konstruajoj prezentas antaŭ niaj rigardoj ornamajojn vere rimarkindajn. El ĉiuj, super rivero, la » palacio de la calle del Obispo « (palaco de la strato de l'Episkopo), kies muroj ornamataj de insignoj de la familio de Torealta, estas modelo de la landsinjora domo, dum la deksesa centjaro.

Certe, ĉiu urbo aparte karakteriziĝas, speciale fizionomiĝas. Ankaŭ Fuenterrabio; rimarkinde per senmoveco de ĝiaj stratoj : la viroj fiŝas, la virinoj loĝas en fundo de siaj loĝejoj malproksime de l'suno; krom kelkaj geknaboj persekutantaj la vojaĝantojn, por havi monereton (tiujn ĉi vortojn nur ili scias france) en la urbo, marŝadas nur fiŝvendistoj, kiuj krietas laŭte per krioj tute ne komprenebláj, kiel ĉiuj krioj de ĉiuj vendistoj en ĉiuj landoj.

Nur ĉirkaŭ haveno ŝipistoj atendas la vojaĝantojn, kiuj estas en Hendajo'n irontaj aŭ sur la maron promenontaj.

Oni tamen ne devas en Fuenterrabia vidi nur partojn ĉirkaŭatajn de la fortikaĵoj; tio estas la malnova nobela urbo, kies domoj konservis, spite sia ruino, sian primitivan elrigardon, kiel palacetoj.

Estas ankaŭ necese, ke oni vizitu la malnovan vilaĝon, kuŝantan sur la bordo; tie ne estas plu luksaj loĝejoj, sed nur malriĉaj domoj, pliĝuste kajutoj, neregule konstruitaj. Tre malmulte staras ; nur strateto » la Calle del Santiago «, sed ci-tiu strateto, per si mem estas tuta lando : lepraj, amasigitaj domoj estas tre miezraj; mirakle, ili ankoraŭ staras.

Ĉio estas malpura; bestoj vivas kune kun homoj, malpurajoj en ĉiuj anguloj; je fenestroj, ĉifonajoj mizere pendas.

Tamen, dank' al suno kiu plibeligas ĉion, ĉi-tiu terurega mizerego ŝajnas eble plej deloga pentrajo.

Reirante Hendajo'n per la ŝipeto, kiu tien ĉi nin kondukis, ni jetas adiaŭan rigardon al Fuenterrabio, kiu, post subiro de l' suno, nur vidiĝos de la vojaĝanto per kelkaj lumoj, kiuj sin spegulos en rivero »Bidassoa«.

Super la tuta regiono kuŝas profunda silento trarompata nur de malproksimaj muĝoj de l' maro.

MOREL.

Trad. CH. DEVOUCOUX.



# LA MORTO DE KANT

La morto longe indulgis la Königsbergan filozofon. Li tamen estis estaĵeto malfortika, alta da kvin futoj, kun malgrasa, kurba brusto kaj iom elstariĝanta dekstra ŝultro.

La unua fojo, kiam la morto ŝajnis lin minaci, estis en 1785. Kant, 61-jara, estis en plena laborado kaj spirita matureco. Soldato, decidinte sin memmortigi, promesis mortigi antaŭe la unuan renkontotan preteriranton, pro ia venĝo kontraŭ la homaro. Emanuelo Kant, tiam farante sian kutiman promenadon, preteriris. La soldato celis lin unue, sed subite ŝanĝis sian opinion kaj, respektante vivon de maljunulo, celis kaj mortigis alvenantan infanon. Oni diras, ke la filozofo estis tre kortuŝata de tiu ĉi okazo kaj diris al la soldato: »Malfeliĉulo! kial vi ne preferis min je tiu infano? Mi estas maljuna; kaj tiu ĉi infano estis eble ia estonta Kepler aŭ Newton! «

En 1797 la intelektaj kapabloj de l'filozofo ekmalfortiĝis. Oni konas la ordemon kaj regularemon de Kant. Plej sensignifa ŝanĝo en lia kutimo lin ĝenis. Unu tagon, kiam li prefesoris en universitato, li vidis, ke mankas butono ĉe vesto de unu aŭskultanto. La morgaŭan kaj postajn tagojn Kant kutimis je tiu ĉi manko. Sed kiam unufoje la junulo venis kun vesto reprovizita per la butono, Kant senvoĉiĝis, lia spirito rifuzis ĉian spekuladon, kaj la filozofo devis alvoki la junulon kaj konsili al li forigi la nomitan butonon.

En 1798, io simila okazis en la Kant'a vivado. Oni dehakis arbon starantan antaŭ lia fenestro, parton el la horizonto de l'filozofo. Tio ĉi estis malfeliĉo, kaj kune kun la arbo malaperis parto el la prudento de l'maljunulo.

Li malsaniĝis. Bruo pri lia morto disvastiĝis, sed estis baldaŭ maljesata, kaj gratuloj pri lia resaniĝo alvenis de ĉie.

De 1799 li ekparolis ofte pri sia morto, sed nur pri sia, ĉar ĝis la fino li konservis la kutimon ne priparoli la mortintojn.

En 1802, Kant enkondukis kelkajn ŝanĝojn en sian kutimaron. Li, kiu ĉiam estis rifuzinta uzi medikamentojn, komencis ilin preni. Li ankaŭ plifruigis sian kuŝiĝadon, ne prokrastante tamen sian leviĝadon, kiu fariĝis je la 5-a horo en ĉiu sezono.

Li ne mallongigis daŭron de siaj manĝoj, kiujn li amis longaj. Li daŭrigis sorbi iom da ruĝa vino — malamanta la bieron — kaj venigi gastojn, ĉar, li diris, « scienculo ne devas manĝi sola; tio ĉi estas malsaniga por li ».

Sed laceco kaj mallogo de ĉio eniris lin. Li ankoraŭ iom promenadis ĝis ĝardeno de li luita apud Königsbergo. Tie Wasiansky montris iam al li la belecon de la naturo: « ĝi estas bela, sed ĉiam sama », respondis Kant.

Liaj piedoj komencis rifuzadi servadon. Li ofte falis, sed ridis, dirante: « Miaj faloj estas malmulte danĝeraj: tiel malpeza estas mia korpo! »

Tiam okazis unu el plej graciaj okazoj en lia vivado.

Kant, kiel Spinoza, Bayle, Leibniz antaŭ li kaj Nietzsche post li, ne edziĝis, sed ŝatis la societadon de virinoj. Li estis mondano, je sendifektaj vestoj kaj pureco, kio apartigis lin de ĉiuj germanaj profesoroj liatempaj. Sed Kant ne estis tute germano; lia patro estis filo de skotaj gepatroj kaj nomiĝis Johan-Georgo Cant. La filozofo poste ŝanĝis la *C* en *K* por germanigi sian nomon.

Borowsky sciigis nin, ke lia plej granda elspezado koncernis lian tualeton. Li zorgegis pri ĝi. Lia trikorna ĉapeleto, pudrita peruko, nigra kolumo, puntobrustuma ĉemizo, manumoj, nigra aŭ bruna silke entegita jako, bukaj ŝuetoj, grizaj aŭ blankaj ŝtrumpoj — nigra ŝtrumpo, li diris, igas la kruron

tro maldika — lia epeo, poste ŝanĝita kontraŭ tiu ĉi Hispanjunka bastono priparolita de Heine, ĉio ĉi kaŭzis, ke oni nomis lin en Königsbergo, la « bela profesoro » *(der schöne Magister)*.

Kant amis paroladi kun virinoj ; li, kiu malofte parolis literaturon kaj neniam sin okupis pri Göthe, kompleze kaj kompetente babiladis pri galanteriajoj, punto, ŝtofelektado, kolorkombinado. Se oni aldonis, ke lia vizaĝo estis simpatia, okuloj viglaj kaj dolĉaj, kaj mieno freŝa kiel tiu de angloj, oni senpene komprenas, ke oni ŝatis lian kunuladon en virinaj societoj Königsbergaj.

Unu tagon do, li revenis de promenado, tenante rozon. La forto lin forlasis subite kaj li falis. Du preterirantaj sinjorinoj helpis lin releviĝi. Kant ilin dankis kun sia ordinara afableco kaj donacis al ili sian rozon.

La 2. de aprilo 1802, Kant festis sian naskotagon. Li estis 78-jara ; ĝi estis granda festo, sed la intelektaj kapabloj de l'filozofo estis multe faletintaj.

La 25. de marto okazis la paciĝo en Amiens. Kant, kiu ĉiam sin interesis pri politiko, eĉ ne parolis pri ĝi.

La filozofo antaŭe sin tre okupis pri Francujo. Liaj politikaj ideoj ofte ŝanĝiĝis. Li partiprenis unue por Francujo, poste por Anglujo, denove por Francujo ; la militon de Napoleono Egiptujon li malaprobis.

En 1794 li estis skribinta, ke reĝeco estas rostopikilo, aristokrataro radjanta muelilo, kaj respubliko, aŭtomato kiu povas paŝi, sed estas tamen io malreala.

Li resumis siajn ideojn pri historia filozofio en tiu ĉi verko pri *eterna paco* kiu igas Kant'on kara je pacistoj. *Al la eterna paco:* tio ĉi rilatis satirian surskribon metitan de holanda hotelisto sur sia insigno, kie li pentrigis tombejon. Kant ŝajne volis skribi en la komenco pamfleton pri neebleco de konstanta paco, kiun li nomas « bela revo ». Li tamen opiniŝanĝis kaj provis precizigi kelkajn leĝojn, kiuj, en la Roma tempo, estus fermigintaj « por ĉiam » la Janus'an templon.

— Oni ne rigardos, kiel valora, ĉiun pacan kontrakton, kie oni kaŝe konservus materialon por nova milito.

— Ĉia regno, granda aŭ eta, neniam povos iĝi propraĵo de alia regno, nek interŝanĝe, nek aĉete aŭ donace.

— La ĉiamaj militistaroj devos esti forigataj iom post iom.

— Oni ne devas fari naciajn ŝuldojn por subteni interesojn de l'ŝtato eksterlande.

— Nenia ŝtato devas perforte interveni en konstitucion nek regadon de alia ŝtato.

Kant kontraŭis la ideojn de Hegel, kiu vidis en milito neceson, kaj li tiel resumis sian laboron pri ĉiama paco :

« Se estas devo, se eĉ estas ebla espero, ke — kvankam per senfinaj progresoj — oni efektivigos regadon de l'rajto, tial la ĉiama paco, sekvonta la intermilitojn ĝis nun nomitajn pacaj kontraktoj, ne estas do ĥimero sed problemo, kies solvon promesas al ni la tempo, verŝajne mallongigota de la unuformeco de l'progresoj de l'homa spirito. »

En monato septembro, lia fratino, iom malpli multaĝa kaj vidvino de laboristo nomita Thennerin, eklogiĝis apud lin.

Grade pliiĝis malfortikeco de la *bela profesoro ;* ĝi fariĝis tia, ke li ne povis plu manĝi sola. Lia vido ekmalakriĝis, kaj tiu ĉi aglo, kiu tiel ofte rigardis la sunon, baldaŭ fariĝis kvazaŭ blinda. Li murmuretis ankoraŭ iafoje tiun ĉi frazon, kiun li elparolis en siaj kursoj, kiam li volis reveni al nivelo de siaj aŭskultantoj post ekskurso en tro altajn metafizikajn regionojn : *« In Summa, meine Herren ! »* Poste li konservis plej perfektan silentadon, kaj liaj okuloj ŝajnis du gemoj fermitaj en lia kvieta vizaĝo.

La 12, de februaro, ĉirkaŭ la 11-a de l'mateno, la filozofo kuŝis kaj ŝajnis ripozadi. Lia fratino staris ĉe la litfino, lia nevo flanke kaj Wasiansky surgenue. Ili provis ekvidi iom da vivo en la okuloj de l'maljunulo kaj alvokis la serviston, kiu jam longe ne estis plu la fidela Lampe. Tiam oni fermis la palpebrojn de Emanuelo Kant, kies trankvila morto povas esti enviata de ĉiuj saĝuloj.

Kant mortis iom da monatoj antaŭ ol Napoleono sin nomis imperiestro kaj kelkajn monatojn post Herder.

Herder, kiu en fino de sia vivado, varme batalis kontraŭ Kant en pamfletoj titolitaj *Metakritik* kaj *Kalligone* lasis al ni en siaj *Briefen zur Beförderung der Humanität* ad-

mirindan portreton de l'Königsberga saĝulo kaj lin kantis per ditirambaj versoj :

*Kiam, ho Tempo — post kiam ĉio estos renversita — ci estos enmetinta cian preferaton profunde — en cia brusto — tiam la flugilbatoj de Fenikso — aktivigos fajron. — Tiel flamiĝos — por lumigi la nokton de l'eterneco, — brilante per nesuperebla brilego — cia nomo ankaŭ, Kant !*

H. R.

# LA NORD-AMERIKAJ UNUIGITAJ ŜTATOJ EN LA XX-A JARCENTO

La Nord-Amerikaj Unuigitaj Ŝtatoj jus festis per San-Luiza Ekspozicio la jarcenton de l'akiro de Luiziano. Ili pravas ĝin solene festi : ĝi estas plej grava okazo en ilia historio, de la proklamo de ilia sendepenco. Jefferson vere fondis l'Unuiĝon duafoje, aĉetante de Francujo la vastegan landon, kiu kuŝis de Misisipo ĝis malbone difinita limo en Rokaj Montoj tiam ankoraŭ neesploritaj. La profito, kiun la unuigitaj ŝtatoj ricevis per tiu ĉi anigo ne taksiĝas nur per amplekso de ilia nova teritorio, nek ankaŭ per ĝia materiala riĉeco. Kiam oni diris, ke la dekkvar ŝtatoj formitaj el l'antaŭa Luiziano kuŝas sur 2 ½ milionoj da kvadrataj kil., rikoltas plej multon el la cerealoj produktataj de l'unuigitaj ŝtatoj, edukas duonon de ilia brutaro, entenas iliajn plej riĉajn minojn da oro, arĝento, fero, kupro kaj zinko, tiam oni ankoraŭ elnombris nur malplej gravajn bonaĵojn, kiujn al la unuigitaj ŝtatoj, alportis l' akiro de Luiziano.

Kio estas la ĉefa graveco de tiu ĉi faro, kio igas ĝin unu el la grandaj okazoj de l' historio, tio ĉi estas, ke ĝi liberigis la unuigitajn ŝtatojn el ĉia zorgo pri najbarado, kaj evitis al ili por ĉiam ĉiujn ŝarĝojn kaj maltrankviliĝojn, kiujn apudeco de nacioj egalfortaj trudas al aliaj ŝtatoj. Neniu neos, ke foresto de tiaj ŝarĝoj kaj zorgoj treege alhelpis al logo efikata de l' unuigitaj ŝtatoj je l'Eŭropaj enmigrantoj kaj al rapideco de ilia disvolviĝo. Se Luiziano estus restinta posedaĵo de Eŭropa nacio, se ĝi estus irinta, precipe kiel oni povis timi kaj kion eviti volis Bonaparto, el la manoj de Francujo en tiujn de Angłujo, se la Unuiĝo ne estus vastiĝinta trans la landon tenatan inter Misisipo kaj maro, kiom estus ŝanĝinta l'historio de Ameriko kaj de l'mondo !

L'akiro de Luiziano ne nur certigis al l'unuiĝo jam en la komenco de ĝia ekzistado, estradon super Nord-ameriko kaj nevundeblecon; ĝi ankaŭ donis al ĝi, se ne tute rekte, almenaŭ per vojo de neevitebla sekvo, albordiĝon al Pacifiko. Restinte apartigitaj de l' Granda Oceano nur per mallarĝa rando, la Amerikanoj devis fatale stariĝi sur ĝian bordon. La limoj de l'lando cedita de Francujo estis ja tute malcertaj ĉe okcidento kaj nordokcidento ; se ne certa estas, ke ili entenis la Oregonan teritorion kuŝantan inter Rokaj Montoj kaj maro, tamen fakto estas, ke la Luiziana posedado permesis al l'Amerikanoj atingi tiun ĉi regionon kaj elpretendi ĝian posedon kontraŭ Angloj. De tio venis plena serio da konsekvencoj, kiujn nur hodiaŭ ni vidas disvolviĝi. La nur amerikaj efektoj de l'anigo de Luiziano estis proksimume plenaj en la momento kiam oni festis ĝian jarcentecon ; la tutmondaj efektoj eksentiĝas.

Randanoj de l'Pacifiko, la unuigitaj ŝtatoj volas fariĝi ĝiaj estroj. La milito kontraŭ Hispanujo al ili donis Filipinojn en 1898-a jaro ; samjare ili anigis la Havajan

insularon, neatentindan je ĝia vasteco, ŝategindan je ŝia lokeco; en 1900, ili akiris parton el la Samoaj insuloj; ĉiuflanke iliaj postenoj tiel sursignas la Grandan Oceanon. La Panama kanalo, kiun ili povas nun laŭplaĉe konstrui kaj espluati, treege pligrandigos iliajn tieajn agadrimedojn. Fine, la revolucioj, okazantaj de dek jaroj en orienta Azio, liveras al ili okazon eldiri siajn interesojn kaj disstarigi sian influon ĉe tiu transa bordo de l'Pacifiko, je kiu ili estas pli proksimaj ol Eŭropo.

. .

Samtempe kiam komencas tiu ĉi disvastiĝo eksterlanden, tiam okazas grava fenomeno en la ekonomia vivado de l'Unuiĝo. Jam de longe ĝi estis la unua terkultura lando en la mondo; de kelkaj jaroj ĝi estas la unua industria. Ne nur ĝi staras ĉe l'unua vico inter ĉiuj mondaj landoj sole per produktado de l'greno, viando kaj kotono, sed ĝi deprenis la unuan lokon de Anglujo je produktado de fero de 1890, de karbo de 1899; oni povas antaŭvidi baldaŭan tagon, kiam ĝi ankaŭ same faros je fabrikado de katunoj, kiel ĝi tuj faros kun Francujo je silkajoj. Kaj kvandan rapide grandiĝas, kun loĝantaro kaj riĉeco de l'lando, ĝia interna konsumado, tamen pli rapida ankoraŭ estas pliiĝo de ĝia industrio, tiamaniere, ke la unuigitaj ŝtatoj ekverŝas eksteren la troajon de ilia produktado. La manufakturitaj artikoloj estas unu triono de iliaj esportoj dum ili estis unu dekduono antaŭ dudek jaroj, kaj en 1901 la sumo de tiuj ĉi esportoj estis por la unua fojo pli alta ol en iu ajn alia lando en la mondo. Tiun ĉi novan ekonomian potencon de l'unuigitaj ŝtatoj verŝajne devas timi precipe Anglujo, kaj tiel praviĝas la profetaj paroloj de Bonaparto, raportitaj de Barbé-Marbois : « Mi konas l'altprezecon de Luiziano kaj mi volis ripari l'eraron de la franca perulo, kiu ĝin forlasis en 1763. Kelkaj linioj de kontrakto ĝin redonis al mi, kaj apenaŭ ĝin mi retrovis, mi devas kalkuli ĝian perdon. Sed se ĝi forfalos el miaj manoj, ĝi unu tagon kostos pli kare al kiuj devigas min seniĝi je tiu lando, ol al kiuj mi devas ĝin doni. » Tamen la aliaj nacioj ankaŭ en la Malnova Mondo tre devas tion prizorgi.

Koincido de tiom da grandaj okazoj faras, ke tiu ĉi komenco de la XX-a jarcento kaj tiu ĉi jarcenteco de l'aniĝo de Luiziano markas en historio de l'amerika Unuiĝo, kaj resalte en tiu de l'mondo, ĉefe gravan daton. La kolosa San-Luiza Ekspozio, kiu kovris 500 hektarojn, kvaroblon de la Pariza 1900-a, kaj kostis 250 milionojn, kvaroble la pagon por tuta Luiziano antaŭ cent jaroj, ĝustatempe nin rememorigis pri tio. En la komenco de la nova periodo malfermiĝanta por la unuigitaj ŝtatoj, estas interesegtabeligi iliajn fortojn kaj rimedojn.

La unua el tiuj ĉi faktoroj, estas donacoj de l'naturo. Decas ĉiam memori, ke tiu ĉi teritorio estas sensimila kolonia lando, tia, ke neniu sama ekzistas en la mondo. Certe ĝi havas senfruktajn partojn, netaŭgajn por terkulturado kaj loĝado de multnombra blanka popolo; sed se la senakva aŭ duone senakva regiono de l'okcidento kovras unu triononon el la 8 milionoj da kvadrataj kilometroj de l'Unuiĝo, almenaŭ kvar kvinonoj de Aŭstralio aŭ Afriko estas ankoraŭ pli senfruktaj ol tiu ĉi senakva zono, tri kvaronoj de Kanado estas okupataj de teroj senfruktaj aŭ nekulturеblaj pro malvarmo. Preskaŭ duono de Argentino ankaŭ estas nur stepoj aŭ duondezertoj, tiel sude en Pampoj, kiel norde en Chako. Fine, el la 22 milionoj da kvadrataj kilometroj de l'vastega rusa imperio, du trionoj almenaŭ estas nekultureblaj, pro manko de varmo aŭ pluvo.

Laŭ rilato de la minaj riĉajoj, tiel grava ĉe la moderna civilizo, laŭ rilato de la akvaj fortoj, kies rolo estas pli kaj pli grandiĝonta, eĉ laŭ rilato de la diverseco de eblaj kulturoj, ĉiuj jus cititaj landoj estas ankaŭ malpli malavare dotitaj ol l'amerika Unuiĝo.

Pri tropikaj landoj, la malfacileco de l'aklimatiĝo de la blanka raso kontraŭstarigas tre grandajn barilojn je ilia progresado. Tial ŝajnas, ke neniu nova lando povas esperi disvolviĝon similan je tiu de l'unuigitaj ŝtatoj. Sidintaj, ne ŝanceleblaj, inter siaj ambaŭ oceanoj, havante nenion por timi de la najbaro, ili estas en sola situacio, kiun ĉiuj povas enviadi, neniu atingi.

Kune kun naturaj rimedoj, la ĉefa faktoro de l'riĉeco kaj potenco de unu lando estas ĝia loĝantaro. La valoro de tiu ĉi faktoro ne dependas nur de l'nombro, sed ankaŭ de la kvalito de la loĝantoj. Laŭ ambaŭ rilatoj la unuigitaj ŝtatoj estas ĝis nun tre fa-

voritaj. Tre malforta en la komenco de la XIX-a jarcento ilia loĝantaro kreskis pli rapide ol tiu de ia ajn alia nacio. Tial jam en 1870, ili estis pli multe loĝataj ol ĉiuj Eŭropaj landoj, ekster Rusujo. Nune, la diferenco ankoraŭ pli grandiĝis, ĉar ili trione superas Germanujon, havas duoblan loĝantaron ol Francujo aŭ Anglujo. Malmulte verŝajne estas, ke ili superos iam la rusan imperion, kies loĝantaro kreskas tiel rapide, kiel ilia, dank' al riĉega naskemeco. Sed tie ĉi decas atenti, ne nu la kvanton, sed la kvaliton de l'homoj, kiu en Ameriko estas tute eksterordinara.

De la puritanoj, la *Pilgrim fathers* de la *Mayflower*, kiuj sin ekzilis for de sia patrujo por fondi, sur la kruda tero de Masaĉusetso, societon konforman je instruoj trovataj de ilia kredo en Biblio, ĝis tiuj ĉi modernaj elmigrantoj, kiuj dudekmilione de tri kvaronoj de jarcento establiĝis en la unuigitajn ŝtatojn, la Amerikanoj estas produktaĵo de elektiĝo. La unua okazas ĉe la foriro : en ia homamedio, nur plej kuraĝaj, plej entreprenemaj homoj maltimas transiri maron por krei al si novan vivadon en malproksim n kaj nekonatan landon. Poste, alveninte, nur inter ili plej energiaj, saĝaj, organizemaj, prosperas en la porviva batalo, ankoraŭ pli akra, pli senkompata por la malfortulo, ol en la malnovaj landoj. Tiel Ameriko senkremigis, tiel diri, la Malnovmondajn societojn ; tial la homa specimeno estas tie supera je tiu en aliaj regionoj.

Se l'amerika societo estas energia kaj agema, se eĉ ĝia agemeco iras iafoje ĝis agitemeco, tamen ĝi restas disciplinema. La spirito de la Puritanoj, kiuj estis la unuaj kolonianoj, parte supervivis. Tio fariĝis, ĉar la enmigrado, kvankam treege multega ĉe iaj periodoj, tamen ne sufiĉis por dronigi — kiel en Aŭstralio — la antaŭekzistantan loĝantaron, kiu tiel povis trudi al la novvenintoj siajn fortajn tradiciojn kaj sian idealon. Tio ĉi fariĝis ankaŭ, ĉar tiu ĉi enmigrado konsistis plejmulte el elementoj similaj je la primitiva loĝantaro aŭ facile sorbeblaj de ĝi. Mi cetere kredas, ke l'analizo de l'statistikoj de la diversaj recenzoj kaj tiuj de l'enmigrado, ke la plejmulto de la blankaj loĝantoj en la unuigitaj ŝtatoj devenas de tiuj, kiuj tie loĝis en la komenco de la XIX-a jarcento kaj havas sian origenon en la Britaj Insuloj, kio ne signifas, ke ili estas « Anglo-Saksoj ». Malnovfamiliaj Amerikanoj, ĉiaokaze, aŭ filoj kaj nepoj de enmigrintoj plene amerikaniĝintaj, pli ol la enmigrantoj mem, estas la precipaj koloniigistoj de l'okcidento kaj formas la plejmultegon de la kamparanoj kaj urbetanoj, la fortikan *substratum* de l'amerika popolo.

Tiu ĉi amerika tipo, certe tiel rimarkinda, kvankam havanta siajn proprajn malbonaĵojn, ĉu ĝi ne elmetiĝas je estonta malboniĝo, kaj ĉu la XX-a jarcento ne vidos ĝian disfaladon ? Kelkaj tion timas, vidante la freŝan alfluadon de enmigrantoj el la sudo kaj oriento de Eŭropo, homoj « malfruaj », nur duone atingitaj de la moderna civilizo, multe pli malfacile alsimiligeblaj ol Germanoj kaj Skandinavoj, kiuj ĝis ĉirkaŭ 1890 formis kune kun Angloj kaj Irlandoj la plejmultegon de la kolonianoj, havante malpli da iniciatemo, da memhelpemo, sentante sin perditaj en medio tiel profunde diferenca je ilia, tiuj ĉi novaj enmigrantoj amasiĝas en la urbojn, kie oni riproĉas al ili malaltigi la salajrojn, kaj nur malmulte helpas al valorigo reala de la lando. Eble, tamen, la Amerikanoj tro pesimisme rigardas la ŝanĝon okazintan en la deveno de l'enmigrantoj.

Inter tiuj ĉi novvenintaj estas kelkaj, kiuj, kiel Italoj, apud certaj malbonaĵoj, tute ne estas sen bonaĵoj, kaj la loĝantaro de la unuigitaj ŝtatoj estas tiel multa, ke la enmigrado ne povas plu ĝin ŝanĝi tiel radike, kiel ĝi povus antaŭe. Oni tamen ne povas nei, ke tiu ĉi enkonduko de novaj kaj heterogenaj elementoj eble povos elvoki ian malekvilibriĝon. Se ĝi havos senteblan efikon al la amerika tipo, ĝi povos esti nur malbona. Tial oni komprenas, ke ĝi malkvietigas la registaron kaj regnanojn de l'unuigitaj ŝtatoj.

Pli grava estas la problemo elmetita de la loĝado, sur la Unuiĝa tero, de 9 milionoj da negroj. Estas tre vera, ke ekzistas kaŝata justigado de l'aferoj : por Amerikanoj, puno de la sklava krimo estas tiu ĉi trenado de kvazaŭ kuglego, de senutila pezaĵo de popolaĵo malsupera, kiu tia restos, se ne ĉiam, almenaŭ dum jarcentoj. Tiuj ĉi ne-

groj havas naskemon superan je tiu de la blankoj, kaj, kvankam ilia nescieco kaj malbona higieno kaŭzas por ili mortemon ankaŭ pli fortan, tamen ili multiĝus pli rapide ol la blankoj, kies naskemo emas malpliiĝi, se tiujn ĉi ne helpus l'enmigrado. Sed ĉar tiu ĉi, absolute kaj precipe proporcie malmultiĝos laŭ la tempo, oni povas diri preskaŭ certe, ke la proporcio de la negroj je la tuto de la loĝantaro en la unuiĝitaj ŝtatoj ĉiuokaze ne falos multe sub ĝian nunan kvanton, 11 aŭ 12 %. Kaj kio estas eble plej grava, iasence, tio ĉi estas, ke tiu nigra popolaĵo estas amasigita en parto rilate malvasta de l'teritorio, emas kolektiĝi pli kaj pli en « nigran zonon », *black belt,* kie ĝi preskaŭ sin apartigas de la blankoj, kie, anstataŭ civilizigi je ilia kuntuŝo, ĝi nur antaŭeniras en sia barbarigo.

La viveco de la kolora antaŭjuĝo cetere igas preskaŭ kompleta tiun ĉi moralan apartiĝon de ambaŭ rasoj, eĉ tie, kie blankoj kaj negroj estas fizike miksitaj. Kiel en vagonaro aŭ tramvajo, la negroj estas aparte enlimigataj ĉe laborejo, lernejo, eĉ preĝejo; ĝis tia grado, ke en la plej multo de la protestantaj sektoj, ekzistas fako por negroj, alia por blankoj : ekzistas ekzemple metodista eklezio afrika, baptista eklezio afrika, apartaj de la veraj metodista kaj baptista eklezioj. La pastroj de tiuj ĉi negraj eklezioj estas mem negroj ofte nesciulaj, iafoje eĉ malvirtaj. « Kiaj estas la ĉefaj malbonaĵoj de la negraj pastroj ? oni demandis en freŝa esploro, — *Whiskey and women,* alkoholo kaj virinoj » (*) respondis iaj atestantoj. Oni devas atenti ne tro ĝeneraligi tiajn certigojn, tamen estas ĉiaokaze certa, ke eĉ la institucioj, kiuj devus moralizi la negrojn, l'eklezio, la lernejo, estas tiel malzorgataj, ke ili ne plenumas ŝian rolon. Nune, la negra problemo, kiu komplikiĝas per politikaj sekvoj, estas pli akra ol iam. Verdire, ĝi ŝajnas nesolvebla. certe unu el malluma punktoj de l'estonto de l'unuiĝitaj ŝtatoj estas tiu ĉi multeco de la negroj, kiuj forpelas la blankajn kolonianojn el unu el la plej belaj partoj de l'lando.

Metita en favora ĉirkaŭo, dotita mem per plej bonaj ecoj, la amerika popolo faris el tio plej mirindan uzon. La amerikaj metodoj estas do ĉiam interese kaj instrue esplorindaj, kvankam mi ne volas pretendi, ke ĉiuj estas aplikeblaj en nia maljuna Eŭropo; kelkaj el ili cetere baldaŭ devos esti aliigataj en sia propra lando. Tiel ekzemple : la kampkultura disvolviĝo, kiun sola valoriĝo de novaj teroj ĝis nun sufiĉis igi tiel granda, eniras en novan fazon pli malfacilan hodiaŭ, kiam restas jam malmulto da unuarangaj kaj bonlokaj virgaj teroj. La plej multo el la teroj ankoraŭ liberaj, cetere tre vastaj, estas ĉu nesufiĉe akvoriĉaj, ĉu nebone provizitaj per komunikvojoj — kaj oni ne povas senfine multigi la fervojojn — ĉu el la teroj jam sufiĉe longe kulturitaj sen ia taksebla grasigo, ekelĉerpiĝas.

La kampara demokrataro amerika — ĉar tiu ĉi granda kampkultura lando estas malgrandbiena lando — estas tiel energia kaj progresema, ĝi tiel bone scias sin helpi per ĉiuj rimedoj de l' scienca kaj de l' komerca spirito, ke ĉiaokaze ĝi scios daŭrigi disvolvadon de sia produktado. Sed oni observas jam de kelkaj jaroj, pri nutraĵaj kiel industriaj kulturoj, pri grenaĵoj kiel pri kotono, ke tiu ĉi disvolviĝo ne estas pli rapida ol multiĝo de l' loĝantaro, tiamaniere ke ne grandiĝas la eksporteblaj troaĵoj; ĉio kredigemas, ke estos same en la estonto. Pli kredeble, el tre novaj teroj, el Kanado kaj Argenteno, ol el Unuiĝitaj Ŝtatoj, venos estonte konkurado al eŭropaj kampkulturistoj kaj eble, ĉar tiuj ĉi landoj fine ne egalvaloras Unuiĝitajn Ŝtatojn, la konkurado emos fariĝi malpli akra.

La industria disvolviĝo estas tio, kio nune altiras kaj pli kaj pli altiros ĉiujn rigardojn al Unuiĝitaj Ŝtatoj. Al ĝi precipe sin turnas agemo de l' amerikanoj, kaj kun mirindaj rezultatoj. Kiaj estas kaŭzoj de tiu ĉi sukceso ? Laŭ amerikanoj mem estas kvin ĉefaj : la kampkulturaj rimedoj, la mineralaj; la disvolveco kaj perfekteco de la transportiloj; la komerca libereco ĉe la tuta teritorio; la fakto, ke la loĝantaro seniĝis de » ideoj hereditaj de l' estintaĵo kaj ultrakonservativaj «.

Tion diras la raporto pri la *Census* de 1900, kiu — ne lasante sin trompi per nacia fieregeco — elkonas partoprenon de l' Naturo en la ekonomia potenco de l'Unuiĝo.

(*) *The Negro Church,* de W. E. Burghardt Du Bois : presejo de l'Universitato, Atlanta (Georgio), 1904.

Tia opinio, laŭ mi, estas pli ĝusta ol tiu de kelke da eŭropanoj, kiuj vidas ĉe industria disvolviĝo de l' Nova Mondo efekton de nedaŭraj kaj duagradaj fenomenoj, kiel estas protektismo kaj *trustoj*. Kion ajn oni povas pensi teorie pri protektismo kaj liberinterŝanĝo, ne la Unuigitajn Ŝtatojn oni devas citi kiel ekzemplon de l' bonefikado de l' unua sistemo. Mi jus diris laŭ amerikanoj mem, la interna liberinterŝanĝo, pli ol la eksterlanda protektismo, kaŭzis progresojn de l' industrio. La sekvoj de l' protektismo ne estas samaj en la granda Respubliko de l' Nova Mondo, kiel en rilate malvastaj ŝtatoj de l' Malnova. Kun sia multenombra loĝantaro, kiu tiel rapide kreskas kaj tiel multe konsumas, kun la grandega vasteco de sia teritorio, kie troviĝas plej diversaj naturaj riĉajoj kaj klimatoj, Unuigitaj Ŝtatoj povas preskaŭ ĉion ricevi el sia lando, kvankam obeante la regulon instruatan en politika ekonomio, kaj dirantan ke vasteco de l' komercejo kaj fakeco de l' laboro malaltigas koston de l' produkto. Tion ĉi kontraŭe ne povas fari plejmulto el eŭropaj landoj, kies teritorio estas malpli vasta kaj malpli riĉe dotita, kies konsumado estas malpli aktiva kaj kreskema.

Pri la trustoj, ne nur ili ne estas esencaj organoj, sed pli ĝuste laŭ mia opinio, ili estas nedaŭrontaj surkreskaĵoj de l' industria amerika progreso. Dum oni en Eŭropo ektimis, ili jam ĉe sia naska lando ekmontris signojn de sia kadukeco. Kelkaj povas prosperi, ĉar tre apartaj cirkonstancoj, naturaj aŭ artefaritaj, ilin favoras escepte, aŭ ĉar ili samtempe levas ĝis plej alta grado koncentrigon de gvidado kaj fakigon de laborado, kio karakterizas la nuntempan industrion ; kaj tamen malfacileco de l' kontrolado de tro vastaj entreprenoj fine elvokas ilian ruinon. Sed la plej multo, sekvoj de troemaj kombinoj elnaskiĝintaj en cerboj ebriigitaj ĉe tempo da escepta prospero, malkreskas kaj disfalas tuj kiam okazas malfortiĝo de l' negoca aktiveco .Tio ĉi okazis antaŭ dek-duo da jaroj, ĉe unua elfloriĝo de *trustoj;* tio ĉi denove okazas en la momento kiam mi skribas. Ne la trustoj kaŭzis la mirindan disvolvon de l'amerika industrio; ne ili faras ĝin minaca por la industrio de l'Malnova-Mondo.

La veraj kaŭzoj de l' progresoj de l' Unuiĝo estas multe pli profundaj ; ili estas vere tiuj montrataj de la raporto pri la *Census* kaj ili povus ĉiam jene resumiĝi : la naturaj riĉajoj de l' lando estas produktaĵo de elektiĝo inter energioj ankoraŭ disvolvataj per l' efiko de l' medio, de tiu nova medio, kie ĉie rapide kreskas, kie laboro kaj kuraĝemo inteligenta povas gajni, multe pli rapide, rekompencon multe pli grandan ol en Eŭropo. Se oni volas la detalojn ekzameni, oni admiros la fleksebleconde l' amerika industrio, la rapidecon laŭ kiu ĝi aliformiĝas, la bonan organizon de l' komercado kaj de l' transportado, la maloftecon de l' kutimego kaj de l' antaŭjugoj kontraŭ maŝinismo ĉe laboristoj, maltimemeco de l' kapitalistoj, iniciatemecon de l' entreprenistoj kaj superaj oficistoj ĉiam serĉantaj teknikajn plibonigojn kaj taŭgegajn kunlaborantojn. (*)

Pli forte ol antaŭe, la Trans-Atlantika konkurado kiu unumomente malpliiĝis, hodiaŭe tuj fariĝos timinda ĉe la industria sfero. Escepta prosperado tiel multe grandigis la enlandan konsumadon dum tiuj ĉi lastaj jaroj, ke la eksportado de manufakturitaj amerikaj artikoloj ne tiel grandiĝis, kiel oni antaŭkredis ĉirkaŭ 1899 aŭ 1900. Sed tio ĉi daŭris nur kelke da tempo kaj rekomencas la amerika superkomercado. Ni elvidos, dum la unua kvarono de l' XX-a jarcento, en la industria sfero, movadon analogan je tiu, kiu okazis dum la lasta kvarono de la XIX-a ĉe kampkultura re-

(*) Tiu ĉi lasta punkto estas tre grava. Ne estas neutiligataj fortoj en Ameriko kaj viro kapabla tie ĉiam traboras sian vojon, ĉar la estroj havas ĉiam maldormeman spiriton, serĉante ĉirkaŭ si inter personoj okupataj eĉ je plej malaltaj taskoj, kiu povus utile plenumi plej altajn funkciojn. Nenio pli tipa pri tio ĉi ol historio de S-ro Ch. Schwab, kiu fariĝis fama en la tuta mondo, ĉar li estis ĝenerala direktoro de l'ŝtala trusto kun salajro da kvin milionoj da frankoj jare. Edukita ĉe la institucio de la Fratoj de la Kristana Doktrino en Loretto (Pensilvanio) antaŭe fondita de la fama princo Galitzin, kaj tie iom studinte la sciencojn li en 1880 iras, 18-jara, en Braddok, apud Pittsburg, kie sidas grandaj ŝtalejoj apartenantaj al S-ro Carnegie. Por vivi, li dum kelkaj monatoj fariĝas servanto de spicovendisto, sed baldaŭ prosperas sin dungigi ĉe la ŝtalejoj kiel laboriston por unu dolaro ĉiutage. Ses monatojn post sia eniro, li estis laborejestro, kaj post tridekunu jaroj, antaŭ sia trideka jaro, ĝenerala direktoro de la Carnegie'aj establajoj. — *Millionnaires and Kings of Enterprise, by J. Burnley, London, Roy & C-o.*

giono. La fabrikitaĵoj amerikaj ekbatalos, tiel en Eŭropo mem kiel en la novaj landoj, kun industriaĵoj de l' Malnova Mondo.

La deziro certigi al si vendejojn en la okazo se la eŭropaj ŝtatoj fermus siajn pordojn ,estas — kun la disvastiĝemeco troviĝanta ĉe ĉiuj junaj kaj fortaj popoloj, kiel ĉe homoj — unu el la motivoj puŝantaj la amerikanojn disvastigi eksterlanden sian politikan influon. Iliaj koloniaj akiroj, la atentado de ilia registaro al la Ekstrem-Orientaj aferoj, grandaparte celas starigi privilegiajn kaj liberajn vendejojn. La politika disvastiĝo estas rezultanto unuflanke de l' historia evoluo, kiu, komencita per akiro de Luiziano, igis la Unuigitajn Ŝtatojn la plej potenca de l' landoj randanoj de Pacifiko, — kaj aliparte, de l' disvolviĝo de ilia industria produktado. La ekonomia konkurado de l' Malnova Mondo elnaskis la politikan. Por ambaŭ ili estas timeginde armitaj. De ilia sola volo dependas ekposedo de unu el plej potencaj en mondo militŝiparoj, kaj kredeble ili volos ĝin posedi, kiam ili estos traborintaj Panaman terkolon. Pri la tera militistaro, ĉar ili estas nevundeblaj hejme, ili facile povos, ne nutrante tre multhoman armeon, disponi militistarojn sufiĉe grandajn, por sendi malproksimen, Ekstrem-Orienten aŭ aliloken, ekspediciajn korpusojn almenaŭ tiel multhomajn, kiel tiuj de ia ajn alia Potenco.

Certe, sur tiu ĉi nova vojo, al kiu ili sin jetas, la amerikanoj renkontos pli ol unu malfacilaĵon. La eniro en la Unuiĝon de Porto Riko, kredeble iam de Kubo kaj eble de aliaj Antilaj insuloj, enkondukos en ĝin ankoraŭ malsamegajn erojn. Ilia federativa kaj demokrata konstitucio, iliaj publikvivaj kutimoj, ilia malbona sistemo por oficistovarbado, nebone taŭgas por regado de teroj tute loĝataj de homoj el tute malsama raso, kiel estas Filipinoj. Sed se ĉe homregado ili devos fari iajn erarojn, el kiuj ilia praktika spirito scios rapide tiri instruon, ili jam longe majstriĝis en arto valorigi la novajn landojn. Sentimaj pionioj, kiuj komencis jam ne trovi hejme utiligon de sia energio, iros ĝin malproksimen uzi. La ekspluatado de tropikaj teroj, je iniciatemo kaj kapitaloj amerikaj, tial minacas Eŭropon je novaj kaj timindaj konkuradoj.

La unua jarcento, sekvinte anigon de Luiziano, elkonformis superecon de Unuigitaj Ŝtatoj super Norda Ameriko. La jarcentiĝo de tiu ĉi faro trovis ilin jam elirintajn el sia kontinento kaj disvastiĝantajn tra la mondo. Antaŭ ol estos pasinta kelka parto de dua jarcento, ili kredeble estos sidigintaj sian ekonomian hegemonion ĉe ĉiuj aziaj aŭ amerikaj landoj randanoj de Pacifiko ; ili estos heredintaj la rolon, kiun ĝis lastaj tempoj en la mondo ludis Anglujo. Tio ĉi estas neevitebla sorto, ĉar ĝi devenas grandegaparte de l' belegaj donacoj, kiujn la Naturo disdonis ĉe Unuigitaj Ŝtatoj ; sed tamen ĝi havas ankaŭ moralajn kaŭzojn ; la eŭropaj landoj povos iom malakrigi ĝian maldolĉecon kaj konservi honorindan lokon en la mondo, se ili memoras, ke l' amerika Unuigo ne estas nur lando la plej riĉa je karbo, fero aŭ kupro sed ankaŭ je homa energio — aŭ, kiel diris unu el la viroj, kiuj plej bone personigas la amerikan karakteron ,prezidanto Roosevelt, la lando de *strenuous life*, de l' intensa vivado.

Pierre LEROY-BEAULIEU.

Trad. H. R.

---

# ANALIZOJ, NOTOJ, INFORMOJ

## Pri la acidiĝo de la hepato kaj de la lieno konsiderata kiel certa signo de morto

verko ellaborita de BRISSEMORET kaj AMBARD

Estas sciate, ke, ĉe la vivanto, la hepato kaj la lieno alkalie reagas, kaj kontraŭe ke post morto tiuj visceroj prezentas reagon, kies acideco grade kreskas.

La aŭtoroj elpensis, ke la acidiĝo de tiuj visceroj povis esti ŝatinda signo por certigi la morton, tial ke ĝi estas konstanta fenomeno, fine tial ke estas facile evidentigi ĝin.

Por tiu esploro, estas sufiĉaj lakmusa papero blua kaj delikata trapikileto, alĝustigita al Luer'a injektilo La lakmusa papero devas esti meze dika kaj malmulte spongeca, por eviti la disvastiĝon de la hemoglobino La trapikileto devas esti longa je 7 aŭ 8 centimetroj. Ĉar la lieno kaj la hepato fariĝas ambaŭ tre rapide acidaj post morto, oni povas enpiki laŭvole unu aŭ la alian. Tuj kiam la trapikileto eniĝas en la visceron, bezonas fari fortan alspiron daŭrigatan dum la tuta tempo de la eniĝo de la trapikileto kaj ankaŭ dum la unuaj momentoj de ĝia retiro, Kiam la trapikileto eliras el la korpo, oni forlasas la piŝton.

Tiel en la kavo de la trapikileto troviĝas iom da viscera molaĵo kaj iom da sango.

Por esplori la reagon, du okazoj estas konsiderotaj : *a*). — La morto efektiviĝis de kelkaj horoj. Tiam la viscera acideco estas tia, ke sufiĉas meti la aron da sango kaj molaĵo sur la lakmusan paperon por vidi, aperantan sur la posta flanko, karakterizan makulon ruĝete koloritan.

*b*) La morto efektiviĝis malpli ol du horojn antaŭe. Tiam la viscera acideco povas esti maskita de la sanga alkalieco. Oni liberiĝas de la sango trenante iomete la molaĵon sur la lakmusa papero. La molaĵo, fariĝinta tiel sensanga, estas poste kolektata amasete sur parto de la papero nemakulata. Se la molaĵo estas acida, sufiĉas sublevi ĝin por vidi tuje la parton de papero, kie la molaĵo estas kolektita, ruĝege makulata. Post kvin minutoj, estas necese forigi la molaĵon kaj sekigi la paperon, por eviti acidiĝon, kiu fariĝus sur la papero mem.

Ĉe la homo, post dudek-kvar horoj, la reago estas tre intensa. Du horojn post la morto, ĝi estas tre klara kaj vidiĝas tre facile. Unu duonon de horo post la morto, ĝi estas videbla, se oni prenos la suprediritajn antaŭzorgojn.

Tiu postmorta acidiĝo ne estas kaŭzata de mikroboj sed de la aŭtolizo.

F. A.

---

## Kuracado de la pigmentaj nevusoj per oksigenakvo.

Oni uzas solvaĵon laŭ 30 %

Ĉe naŭjara knabineto, tuta dekstra flanko de l'vizaĝo estis kovrita per mallume brunaj makuloj, dikaj kiel pinglakapo. Tiuj ĉi sidis ankaŭ sur la oreloj kaj la du brakoj; la cetero de l'korpo estas senmakula. Tiuj makuloj komencis aperi tuj de la dujara aĝo, kaj grade vastiĝis.

Multaj el ili estis kuracataj jenmaniere : dufoje ĉiutage oni surtuŝis ilin per unu guto da oksigena akvo, laŭ 30 %, per guttubeto. Oni lasis sekigi, kio postulis ĉirkaŭe unu kvaronon da horo, poste oni surŝmiris pomade. Oni daŭrigis la surtuŝigon per oksigenakvo dum kelkaj tagoj, ĝis kiam la makuloj estis forigitaj. La plimulto el tiuj ĉi estis malaperinta post kvar semajnoj.

Alia malsanulino, kvinjara knabineto, portis nevusojn neregule dissemitajn sur la trunko, kaj iom similajn al la *urticaria*

*pigmentosa.* Oni sukcesis ankaŭ malaperigi multe da makuloj, dank' al l' uzo de l'oksigenakvo, laŭ 30 %.

Tria okazo, rilata al *naevus pigmentus pilosus* dika kiel monero da 2 frankoj, liveris la saman sukceson, per la sama kuracilo.

Dr P. RODET.

### Deveno de la stereognozio.

La palpada delikateco de la fino de l' fingro estas nomita de la psikologiistoj *Stereogro* estas monita de la psikologiistoj *Stereognozio.* Ĝi estas fenomeno malsimpla kaj ankoraŭ iom malklara. Tamen P-ro Mason nomis « sento de l' spegulo » tian kapablecon vidi nerigardante kaj vidi sin mem. Pri tia miregiga certeco de palpado, jen estas lia klarigo. En la tempo kiam niaj prapatroj loĝadis en la kavernoj, la viroj, okupataj pri la ĉasado kaj la milito, lasis al la virinoj la eltrovon kaj la zorgadon pr la unuaj metioj; la unuaj ili fabrikis vestojn kaj ŝuojn; ili estis la unuaj teksistoj; per tiuj laboroj, iliaj fingroj lertiĝis kelkajn dekojn da centjaroj antaŭ la niaj. Ili nin superas kiel antaŭulinoj; ilia lerteco estas heredita. (*Gazette médicale de Paris,* 15 oktobro 1904.)

Dr P. RODET.

### Pri la skarlatinaj otitoj

De Doktor LE MARC'HADOUR

En la skarlatino, la otito estas ofta komplikajo de la angino, tiamaniere ke oni eblas diri : angino grava, otito grava.

La mikroba speco, renkontata en la angino, ŝajnas ludi duagradan rolon. Efektive, oni trovis la plej diversajn specojn ; la ĉefa afero kŭsas en la intensiveco de la angina proceso. La benignaj otitoj respondas du tre diversajn tipojn. La unuj elmontriĝas en la komenco de la malsano ĉe malsanuloj, havantaj malgravajn anginojn, la aliaj estas malfruaj otitoj al kiuj estas interese altiri la atenton.

Efektive, oni observas infanojn, tute resaniĝantaj eĉ iafoje ĉe la fino de la deskvamiĝo, infektiĝantajn de meza orelo. Estas infektiĝo malgrava, sen ĉefaj objektivaj signoj, kun temperaturo malmulte aŭ neniel alta kaj malmulte akraj doloroj ; la sola simptomo konsistas en elfluaĵo el la orelo, plej ofte nelongedaŭra.

Tiuj otitoj ne tute dependas de la komenca angino aŭ de duagrada angino ; ili sin elmontras pliĝustadire ĉe l'okazo de la skarlatino ol pro tiu ĉi. Tiaj malfruaj otitoj estas precipe oftaj ĉe la junaj adenojduloj malfortikigitaj de la malsano.

La loĝado en malsanulejo estas kredeble grava kaŭzo de tiaj infektoj malfruaj kaj sensignifaj de la nazo-faringo kaj de la orelo. Eble ankaŭ oni devas kulpigi la trolongigitan dekubiton.

Estas do ebla konkludi jene :

En la irado de la skarlatino, estas gravaj otitoj kunligitaj kun la intensaj anginoj, kaj benignaj otitoj respondantaj malgravajn anginojn aŭ sin elmontrantaj malfrue dum la resaniĝo ĉe konsumitaj infanoj.

La observado de la orelo kaj la asepsigo de la kavaĵo devos plidaŭriĝi eĉ post la fino de la ekzantema febro.

Paracentezante frumature, oni kredeble evitos la vastajn nerebonigeblajn difektaĵojn de la timpano.

F. A.

### La obstetrikaj signoj de la degenerado.

La heredeco kaj degenereco malvaste kunligiĝas kun ĉiuj nenormalaĵoj de la gravediĝo, gravedeco kaj akuŝiĝo.

Laŭ ĝenerala vidpunkto, la degenerado eblas deveni ĉu de la viro ĉu de la virino kaj efektiviĝi pri la difektaĵoj ĉu heredaj ĉu akiritaj. Tia virino, kiu ekzemple gravediĝis normale, eblas prezenti poste obstetrikajn nenormalaĵojn sekve de malsano produktinta malfortikigan staton aŭ revigliginta kaŝatan heredan difektaĵon. Same, viro kun seksorganaj difektaĵoj, eblas gravedigi nenormale virinon, kiu poste normale gravediĝos de alia kunulo.

Laŭ pli speciala vidpunkto, bezonas konsideri la heredon per aliformiĝo, la samsan-

gan heredon, kaj la heredon de la samaj obstetrikaŭ signoj.

Kiam ekzistas heredo per aliformiĝo, oni konstatas ekzemple, ke korpaj aŭ spiritaj signoj aliformiĝas en obstetrikajn signojn. Ĉe familio havanta degeneradajn difektajojn, oni ne trovos plu ĉe la idaro la samajn signojn, sed nenormalajojn de la gravedo, kaj inter tiuj ĉi oni kalkulas ne sole la nenormalajn prezentojn sed la okazojn de dunaskeco.

La obstetrikaj signoj eblas ankaŭ aliformiĝi unu la alian, ekzemple, ĉe la unua generacio estas dunaskeco; ĉe la sekvanta ne dunaskeco sed graveda albuminurio kun eklampsio aŭ antaŭtempa akuŝiĝo.

Pri la samsangeco, ĝi influas trograndigante la heredajn difektajojn.

La heredo de la obstetrikaj signoj eblas esti samspeca : simila heredo de la nenormalaj prezentoj, de la nenormalajoj de la gravedo, de la dunaskeco, de la abortemo, de la antaŭtempa akuŝiĝemo, finiĝanta per la senfrukteco.

R. et H. Large.

Tradukis : D[r] P. Rodet.

# KORESPONDADO

### Pri « propraj nomoj ».

Mi ne kredas ke nepo de *Jonathan*, Esperanton lerninte, ridos « ĝis larmoj » ĉe l' vido de *Nov-Jorko*.

Escepte la francan lingvon, kiu kompense elparolas ĉiujn vortojn laŭ sia maniero, neniu alia konservas tute la proprajn nomojn de fremda lingvo.

Kaj mi opinias ke respekti la nacian formon de iu vorto nenion valoras se oni ĝin kripligas parole.

Kiel Esperantisto korekte povos elparoli tiom da fremdaj vortoj ? Kiel, do, mi povos obei la ordonon de D-ro Ad. Curreau, kiam li volas ke mi diru : *Giuseppe, Victor Hugo, Friedrich der Grosse ?* Portugallingvano elparolus : *Jiuzèpi* (akcento sur *è*), *Viktor Ugu* (Esperante akcentitaj), *Frièdriŝi dêr Grôsi.*

Kaj se oni malintencas korekte elparoli tiajn vortojn, oni almenaŭ devas ilin substreki, kiel fremdaj por Esperanto barbaraj nomoj...

Fine, mi ankaŭ juĝas malnecesa la riprezentadon de θ per *th*, tute ne tiel internacia kiel kredigas la aŭtoro de *propraj nomoj.* La itala kaj la hispana lingvo jam de longe liberigis sin de tia nelogika skribmaniero, ĉar en ĉiuj romanaj lingvoj *th* nur povas esti *t*. Tial ankaŭ, nuntempe, la plej aŭtoritataj filologoj kaj glotologoj portugalaj konsilas la forlason de *th*, *ch* = *k*, *y* kaj *ph*, tiel dirite grekodevenaj. Esperanto skribos ankaŭ simpla *t* anstataŭ θ.

R. Fred Geyer.

---

### Pri la propraj nomoj.

Laŭ mi « Jozefo Verdi, Vilhelmo Ŝekspiro, Frederiko Granda », k. t. p., estas multe pli bonaj, ol « Giuseppe, Shakespeare kaj Friedrich », ĉar tiuj unuaj estas senfine pli naciaj, ol la lastaj, elparolataj laŭesperante. Vi nur elparolu « Shakespeare » laŭesperante kaj diru sincere, S-ro Cureau, ĉu vi ne ricevas sonaron ekstreme barbaran. Ĉu vi ankaŭ preferas, ke mi nomu Vin mem Cu—re—á—u » kun akcento sur la antaŭ lasta silabo silabo « a », kiel mi elparolus la francan « tsou—ré—á—ou », aŭ

ĉu vi preferas ke mi skribu « kjuró », kio donas al mi ĝuste Vian nomon? Kiel do Vi kuraĝas postuli, ke mi sciu por legi Esperante, ankoraŭ dekon da aliaj lingvoj? Ni do skribu ortografie: Ŝekspir, Juzeppe, Fridriĥ, k. t. p.

AVILOV.

---

**Pri la geografiaj nomoj.**

Pri la propraj nomoj de personoj, mia opinio tute konsentas kun tiu de S-roj LENGYEL kaj TRINITÉ (I. S. R., p. 254-256); mi do ne ripetos iliajn bonegajn kaj trafajn argumentojn, kaj nur resumos iliajn konkludojn jene:

1° Oni devas simple deskribi laŭlitere la proprajn (personajn) nomojn el la lingvoj, kiuj uzas la latinan literaron (aldonante fonetikan transkribon por montri, proksimume almenaŭ, la elparoladon, tro ofte ne diveneblan de fremduloj.

2° Oni devas fonetike (plej bone kiel eble) transkribi la proprajn (personajn) nomojn de la ceteraj lingvoj, uzante, laŭ bezono, la germanajn literojn *ä*, *ö*, *ü*, la hispanan *ñ*, k. t. p.

(N. B. Plena fonetika literaro, por la eŭropaj lingvoj solaj, devus enhavi 80 ĝis 100 literojn; oni do ne devas esperi, nek serĉi, trdukan fonetikan akuratan de ĉiuj nomoj.)

3° Oni devas traduki esperante ĉiujn esprimojn, kiuj, kvankan propraj nomoj de institucioj, estas komponitaj per vortoj de la lingvo, kiel *Académie française*, *British Museum*, *Astronomische Gesellchaft*, ktp. kaj se oni kredas devi citi tiujn nomojn laŭlitere, oni devas aldoni parenteze la tradukon esperantan.

Pri la geografiaj nomoj, la demando estas pli malfacila, kaj postulas multan pripenson. Certe, oni devas sekvi la samajn regulojn por ĉiuj (aŭ preskaŭ ĉiuj) nomoj de urboj, urbetoj, vilaĝoj, riveroj, montoj, k. t. p.

Oni ne tradukos ilin esperante, kiel oni tradukis ilin latine dum la mezopoko, kiam fama Königsberg'ano nomis sin ***Regiomontanus***, kiel S-roj Lengyel kaj Trinité, mi opinias ke oni povas kaj devas fari esceptojn por la nomoj de kelkaj ĉefurboj, kiuj estas kvazaŭ mondaj aŭ internaciaj: *Parizo*, *Londono*, *Berlino*.... Tio estas oportuna por devenigi la nomojn de loĝantoj: *Parizano*, k. t. p. Cetere tiuj esperantigitaj nomoj devas alproksimiĝi plej kiel eble al la naciaj nomoj, kaj difekti ilin malplej kiel eble (ekz. oni diras prave *Londono*, ne *Londro*; k. t. p.). En tiun fakon oni devas meti ankaŭ la nomojn de kelkaj internaciaj riveroj aŭ montoj, kiel *Danubo*, *Alpoj*, k. t. p.

Restas nun la nomoj de la landoj (regnoj) kiuj estas ankaŭ iamaniere internaciaj, sed kiuj estas ofte malsamaj en la naciaj lingvoj. Oni ne povas alpreni por ĉiu lando la nacian nomon, pro multaj kaŭzoj, inter kiuj unu sufiĉas: ili estus tre malfacile elparoleblaj de la fremduloj, ekz. *Deutchland*, *Oesterreich*. Oni do devas esperantigi ilin. La sistemo alprenita de D-ro Zamenhof, pri la eŭropaj landoj precipe, ŝajnas unuavide tre oportuna kaj alloganta: *Francujo*, *Anglujo*, *Germanujo*, k. t. p., nomoj kiuj devenas regule de la nomoj de la popoloj enloĝantaj: *Francoj*, *Angloj*, *Germanoj*... Ĝi estus ja simpla kaj logika, se oni povus ĝin ĝeneraligi; sed tio estas neebla, kiel oni bone scias. Eĉ en Eŭropo oni havas nomojn de « landoj »: *Holando*, *Finlando*, el kiuj necese devenas la nomoj de loĝantoj: *Holandano*, *Finlandano*. Krom tio, ekzistas multaj landoj, kiu ne estas *ujoj* de unu sola nacio aŭ popolo; la plej konata ekzemplo estas *Aŭstrujo*, kiun niaj « aŭstriaj » samideanoj preferas pro tio nomi *Aŭstrio* (kiu necese naskas: *Aŭstriano*) (1).

Sed ekster Eŭropo oni trovas ankoraŭ pli multajn landojn, kies nomo ne finiĝas per *ujo*, kaj kiuj efektive ne estas *ujoj* de iu aparta popolo: *Maroko*, *Tuniẑio* (mi vidis ie *Tunisujo*, kvazaŭ tiu lando estus « ujo de Tunis »!) *Kongo*, *Madagaskaro*, *Tonkino*, *Cejlono* *Gŭatemalo*, *San Salvadoro*, *Ekŭatoro*, *Argentina Respubliko*, *Aŭstralio*, ktp. Videble estas neebla aldoni al tiuj nomoj la regulan sufikson *uj*. Sekve oni povas demandi, ĉu estas utila kaj dezirinda aldoni ĝin al aliaj landoj tute similaj, kiel *Kanado*,

---

(1) Pro la sama kaŭzo, *Germanujo* estas nelogika vorto: tiu lando ne estas *ujo* de ĉiuj Germanoj, ĉar parto da ili loĝas en Aŭstrio.

*Bolivio, Brazilo, Peruo*, k. t. p., kiujn oni nomas ofte *Kanadujo, Bolivujo Brazilujo, Perujo* : ĉu la loĝantoj nomiĝas *Kanadoj, Bolivoj, Braziloj, Peroj?* Ĉu ne estas multe pli klara kaj natura devenigi la nomojn de la loĝantoj jene : *Kanadanoj, Bolivianoj, Brazilanoj, Peruanoj*, k. t. p.

Mi ja scias, ke kelkaj Esperantistoj, malŝatante la sufikson *-uj* ne malprave, laŭ mi; Cvidu la spritan versaĵeton de S-ro DESHAYS en *Lingvo internacia*, 1-a junio, p. 324) anstataŭas tiun sufikson per la radiko *land*, kaj diras *Franclando, Anglolando*, k. t. p. Sed tiu uzado ŝajnas al mi tre bedaŭrinda : unue, ĝi longigas maloportune nomojn tre uzatajn, kaj la radiko *land* estas ankoraŭ pli ĝenanta ol *-uj*, kiam oni devas nomi intersekve multajn landojn ; due, ĝi estas tute neutila, ĉar oni ja scias, ke *Francujo, Anglujo*, ktp., estas landoj, kaj aldoni *land* al ĉiuj tiaj nomoj estas preskaŭ tiel ridinda, kiel estus diri *Parizurbo, Londonurbo*, k. t. p. (1). Laŭ tiu metodo, oni devos diri ankaŭ : *Madagaskarinsulo!* Oni do devas forigi tiujn longajn kaj malbelajn vortojn ; *Brazillando, Perulando, Ĉililando*, kaj diri simple : *Brazilo, Peruo, Ĉilio*. Nur en tre maloftaj kazoj oni devas akcepti *-lando*, ekzemple por distingi *Meksiklandon* de la urbo *Meksiko* (la loĝantoj estos, ne *Meksikoj*, sed *Meksikanoj*); kaj en *Kaplando, Zululando* (la loĝantoj ne estos *Kapoj* (!) nek (necese) *Zuluoj*, sed *Kaplandanoj, Zululandanoj*).

Oni povas diri la samon pri la malgrandaj ŝtatoj (la Ŝtatoj de l'Amerika Unuiĝo) la provincoj, la kolonioj kaj la naturaj regionoj. Oni diras ekzemple *Bavarujo* : sed ĉu oni povas diri *Württembergujo, Badujo, Hesujo, Anhaltujo*, eĉ *Mecklenburgujo* kaj *Schaŭmburg-Lippujo?* Tute ne dum oni povos ĉiam paroli pri la *Mecklenburg'anoj* kaj la *Schaŭmburg-Lipp'anoj*. Se oni povas nomi *Normandujo* la provincon loĝatan de *Normandoj*, oni ne povas diri *Savojujo*; necesa estas diri *Savojo, Savojano; Provenco, Provencano; Virginio, Virginiano; Kalifornio, Kaliforniano; Nov-Kaledonio, Nov-Kaledoniano*, k. t. p. Oni ne povas diri *Andorujo, Monakujo*, sed kontraŭe *Andoro, Andorano; Monako, Monakano; San-Marino, San-Marinano; Montenegro, Montenegrano* Oni diras iafoje *Sicilujo*; ĉu oni diras *Siciloj?* La prava nomo estas *Sicilio* de kiu venas *Siciliano*. Oni diras *Maltujo*; kiu iam kuraĝis diri : « Mi estas Malto »? Oni devas diri *Malto, Maltano*. Oni diras *Siberujo*; sed ekzistas nenia popolo nomita *Siberoj*; oni devas diri *Siberio, Siberiano* : same *Tibeto, Tibetano; Borneo, Borneano*, k. t. p. *Alĝerujo* ni estas ujo de ia popolo nomita Alĝeroj; oni do diru *Alĝerio, Alĝeriano*; Same, *Sahara* (aŭ *Saharo*), *Saharano*; k. t. p.

Resume, ni havas kaj fakte uzadas du sistemojn malsamajn, eĉ kontraŭajn : en la unua, la radiko estas nomo de popolo, de kiu la nomo de la lando devenas; en la dua, la radiko estas nomo de lando, de kiu la nomo de la popolo loĝanta devenas. Se oni volas, ke la lingvo estu plene logika kaj laŭregula oni devas elekti nur unu el ambaŭ sistemoj. Kiun? La unua estas aplikata kaj aplikebla nur ol malmultaj eŭropaj nacioj (la plej grandaj kaj gravaj, vere), kaj ĝi ne estas ĝeneraligebla, pro ke la plejmultaj landoj ne estas « ujoj » de difinita popolo, kaj sekve oni ne povas aldoni *-uj* (aŭ *-land*) al ĉiu nomo de lando (1). La dua, kontraŭe, estas tute ĝeneraligebla, eĉ por la eŭropaj nacioj (ekz. *Italio, Italianoj*, ĉar oni povas ĉiam aldoni *-an* al ajna nomo de lando, por signifi giajn loĝantojn eĉ al nomoj tute barbaraj, kiel : *Tahiti, Tuamotu*, k. t. p. Mi lasas al la legantoj la facilan penon eltiri la konkludon.

SAMIDEANO.

## Pri novaj prepozicioj.

Ĉe p. 256 de I. S. R. S-ro Richard Legge aprobante la leteron de S-ro Gaston Moch, diras, « La tri aŭ kvar sencoj de la vorto *de* faras por *Angloj* la ĉefan malfacilaĵon de la lingvo Esperanto; kaj por kelkaj ĝi faras la solan malfacilaĵon », — kaj pri la

(1) Komparu artikolon de Jan KAJS en *Lingvo Internacia*, 1 majo, p. 272

(1) Mi tamen vidis unufoje *Amerikujo!* Kial ne, laŭ tiu sistemo?

frazo el la krestomatio, « Tiu ĉi komercaĵo estas ĉiam volonte aĉetata de mi » S-ro Legge skribas. « Ĉu la skribanto aĉetos aŭ vendas la komercaĵon? La Anglo ne scias ĉu traduki *de* per *by* aŭ per *from*. »

Tio eble faros impreson ke la angloj estas favoraj al la proponitaj ŝanĝoj. Tute ne. Kelkaj malmultaj eble konsentus kun S-ro Legge, sed la « Brita Esperantista Asocio » forte kontraŭ staras ĉiujn ŝanĝojn en nia fundamento. La redakcio de la oficiala organo de la Asocio diras « Ni povas enkonduki en la kolonojn de nia ĵurnalo nenian diskutadon pri proponitaj ŝanĝoj en la lingvo Esperanto. Ni, Esperantistoj, propagandas Esperanton tian, kia ĝi estas.... » k. t. p. (jaro II-a, p. 67, — tradukita).

Ekster-Londonaj esperantistoj havas tiajn samajn ideojn. La malfeliĉa D-ro Lloyd skribis pri Esperanto: « La bezono je la momento ne estas ke oni reformu ĝin, sed ke oni disvastigu ĝin tiel vaste kaj tiel rapide kiel eble, *en absolute netuŝita formo* » (The Esperanto Language, p. 8).

Cetere, mi malkonsentas kun la opinio de S-ro Legge, ke la citita frazo el la krestomatio estas neklara. Ĝi sin trovas ankaŭ en la Ekzercaro, kaj tuj sekvas ĝin, — « La surtuto estas aĉetita de mi, sekve ĝi apartenas al mi ». La vera senco de la vortoj « aĉetita de mi » estas, do tre klare elmontrita en tiu ĉi dua frazo, kaj kion oni bezonas, almenaŭ en tiu ĉi okazo, ne estas pluaj prepozicioj, sed pli plena konateco kun nia oficiala « Fundamento de Esperanto », de kiu la Ekzercaro estas ĉefa parto.

W. W. Padfield.

## Pri la vorto « plura ».

Permesu, ke mi donu mian opinion, kiel anglo pri tiu ĉi demando.

Ni unue konsideru, kiajn esprimojn ni ĝis nun povas uzi. Ni povas diri, « La du linioj renkontas sin en *iu* punkto; en *almenaŭ unu* punkto; en *pli ol unu* punkto; en *iuj* punktoj; en *almenaŭ du* punktoj; en *pli ol du* punktoj; *pli ol tri*... k. t. p.; en *kelke da* punktoj; en *kelkaj* punktoj; en *nombro da* punktoj; en *eble* aŭ *proksimume* N punktoj; en *multe da* punktoj; en *multaj* punktoj ». Kial, do, ni bezonas « *pluraj* ».

« En logiko, *kelka* signifas *ne neniu* » skribis « Samideano ». Eble, en la franca lingvo; sed en Esperanto la vorto « iu » logike signifas « ne neniu », kaj ĉu la logiko postulas ke alia vorto ankaŭ havu tiun saman rolon?

« Pluraj punktoj », laŭ S-ro P. Corret, signifas, « ke la linioj renkontiĝas en *pli ol unu* punkto, sed eble nur en du. » Kial, do, ne diri « pli ol unu »? Ĉu tio ne estus sufiĉa? Eble oni diros « pli ol unu » estas tri vortoj, dum « pluraj » estus nur unu: sed en angla lingvo oni ankaŭ devas diri « pli ol unu » (« more than one »), car en angla lingvo ne ekzistas tia vorto, kia « pluraj ». La plej proksima angla vorto, *several*, estus neniel uzebla en okazo de nur du punktoj. Sekve, ŝajnas al mi, ke la vorto « pluraj » ne estas nepre necesa en Esperanto. Se ni povus konsenti, uzi la vortojn « pli ol unu », kiam oni volas precize esprimi tiun ideon; kaj « kelkaj » por signi negrandan nombron, ni tiam havus esprimaron tiel grandan kiel tiu de la angla lingvo, kiu jam de longe montriĝis tute sufiĉa; kaj, kiel principo, mi opinias, ke, por konservi la simplecon kaj facil-ellerneblecon de nia lingvo, ni devas malakceptadi ĉiun eviteblan novan vorton.

W. W. Padfield.

## Pri la vortoj « generado spontanea ».

Tiu esprimo, kiun oni jam uzadas en sciencaj artikoloj, ŝajnas al mi « malbona Esperanto »; unue, ĉar la vortoj estas tro longaj, kaj tro similaj al la francaj vortoj por esti vere internaciaj; due, ĉar oni povas esprimi la ideon pli simple kaj egaleklare. Unuflanke la radiko *gener* ŝajnas neutila, ĉar ni havas jam *nask* por esprimi la saman ideon kaj oni eble bezonos *gener* por traduki ekzakte la vortojn F. *genre* L. *genus*, (senco samtempe kontraŭa kaj rilata al *speco*, kaj malsama de *gento*). Aliaflanke la radiko *spontane* estas latina devenaĵo (adjektivo); la vera radiko estas *spont*, de kiu devenus, unue la adverbo *sponte* (latina vorto); due, la adjektivo *sponta* (*spontané*); trie, la substantivoj *sponto* (*spontanéité*,

konkreta senco), *sponteco* (*spontanéité*, abstrakta senco); *spontaĵo* (sponta aĝo), k. t. p. Laŭ tio, *generado spontanea*, kiu estas nur franca esprimo krude esperantigita, devas esti anstataŭata per *sponta nasko* (aŭ *naskado*). Oni konstatas ja ŝateblan mallongigon kaj simpligon !

SAMIDEANO.

### Pri la hordiro.

Kiel diras S-ro CART en *Esperanto, cours complet par images et conversations*, p. 28, la metodo Esperanta por diri la horon estas prenita de la germana lingvo : tial ĝi estas nek klara, nek logika, nek internacia : ĝi estas nur *idiotismaro*, kaj oni ne devas ĝin akcepti pli ol ,ekzemple, la strangan kutimon germanan eldiri en nombroj la unuojn antaŭ la dekoj (sed post la centoj), laŭ kiu oni legas 237 : *du cent sep kaj tri dek !* La franca kaj angla metodoj por diri la horon estas pli klaraj kaj simplaj ol la germana, sed ili ankoraŭ miksas la *adician* kaj la *subtrahan* procedon, kio povas nur naski konfuzojn. Tiu miksa mtodo similas, per sia mallogikeco kaj maloportuneco, al la malŝatinda romana nombrado : VI, VII, VIII, sed IX (*dek minus unu*), k. t. p. Pro tiu diferenco de la naciaj uzoj, la Esperanta uzo estas tute konfuziga : ekzemple *unu kvarono de la tria*, aŭ *unu kvarono post la tria* (dum ĝi signifas : unu kvarono post la dua), du pli ke la prepozicio *de* havas nun tri malsamajn sencojn. Oni devas do nepre forigi la subtrahan procedon por eviti ĉiun eblecon de konfuzo.

Tial, la sola metodo, kiu estas logika kaj klara, kaj sekve *internacia*, estas diri la horon, kiel ĝi estas skribita en la fervojaj libretoj ĉiunaciaj : 4 h. 56 = *kvar kaj kvindekses* Laŭ tiu metodo, oni devos ankoraŭ diri ; *tri kaj (unu) kvarono, tri kaj duono, tri kaj tri kvaronoj*. Cetere, estus tre dezirinda ke la Esperantistaro alprenu la sistemon (jam oficialan en Belgujo kaj Statujo) de la *dudekkvar* horoj en unu tago, ĉar ĝi neutiligas la maloportunajn distingojn : *matene, vespere* (antaŭtagmeze posttagmeze), kiuj ofte naskas erarojn, kiam oni ne atentas sufiĉe ilin aŭ iliajn signojn skribajn. Tia estas la sola sistemo, kiu taŭgas por la sciencoj kaj la fervojoj. Sed ĝi taŭgas ankaŭ por la kutima vivo, en kiu oni bezonas egale klarecon kaj precizecon kaj al kiu la sciencoj kaj fervojaj aferoj pli kaj pli miksiĝas.

SAMIDEANO.

**Rimarko de la Redaktoro.** — La malbonecon de la oficiala hordiro mi jam konstatis en diversaj renkontiĝoj kun fremdaj Esperantistoj, precipe kun D-ro Krikortz en 1900-a jaro kaj S-ro Mudie en Havro (1904). — Ni ĉiam plej oportune uzis la fervojan sistemon.

Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède. Paris
LE DIRECTEUR : P. LENGYEL.

*Le Gérant* : CH. SCHIFFER.